# Literatura Mondo



Mediumdesegnaĵo



APRILO 1925 IV. JARO 4. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

## NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI.

## KRUCENIGMO

ĈIO NECESA ESTAS EKSCIEBLA EN LA ANTAŬA NUMERO.

### HORIZONTALE

1) Granda rabbirdo*
2) Speco de greka kolono*
3) Internacia esprimo por „besto"
4) Legomo*
5) Dio antaŭ miljaroj

* radiko

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | 7 | 2 | | 8 |
| | ▒ | | ▒ | ▒ | |
| 3 | | | ▒ | ▒ | |
| 6 | ▒ | ▒ | 4 | | |
| | ▒ | ▒ | | ▒ | |
| 5 | | | | | |

### VERTIKALE

1) Eleganta kunvenejo
4) Frukto*
6) Duono de l'homaro
7) Internacia esprimo por „nova"
8) Faraono

* radiko

### PREMIOJ:

1) Duonjara abono. 2)—3) Karinthy-Kalocsay: Morgaŭ Matene.
Limdato: la 15 a de Majo.





GRAVA AVIZO **RADIO** GRAVA AVIZO

La potenca radia stacio W C C O (Duobla Vo, Co, Co, O), ĉe Minneapolis kaj Sankta Paŭlo, Usono, dissendos Esperantan Programon de la 23a ĝis la 24a horo, centra tempo (90a meridiano), vendredon, la 24an de Aprilo. Sur la meridiano de Greenwich estos de la 5a ĝis la 6a horo, sabaton, la 25an de Aprilo, la potenco estos kvin kilovatoj kaj la ondlongeco 417 metroj, la programo estos koncerto kun anoncoj esperantaj, parolado esperanta kaj esperantaj kantoj.

Ĉiun esperantiston, kiu legas tiun ĉi avizon, oni urĝe petas plenumi tri devojn:

Unue ke li penu, aŭ per sia ricevaparato aŭ per ricevaparato de amiko, ricevi la programon. kaj nepre skribu al: Gold Medal Station WCCO, Minneapolis, Minn., Usono, pri sia sukceso aŭ malsukceso, priskribante la tipon de ricevilo;

Due: ke li petegu al la lokaj kaj landaj ĵurnaloj esperantaj ke ili represu tiun ĉi avizon;

Trie: ke li influu la tagĵurnalojn kaj precipe la radiajn ĵurnalojn ke ili donu kiel eble plej grandan publikecon al la tutmonda penado.

## NOMBRO DE ABONANTOJ LAŬ LANDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: . . . 8 (23) | Danujo: . . . . . 1 | Hispanujo: . . . 30 | Latvujo: . . . 8 (4) | Polujo: . . . 22 (4) |
| Aŭstralio: . . . . 2 | Estonujo: . . 18 (6) | Hungarujo: .50 (85) | Litovujo: . . . . 15 | Rusujo: . . . . . — |
| Belgujo: . . . . 29 | Finnlando: . . . 1 | Italujo: . . . . . 8 | Meksikujo: . . — | Rumanujo: . . . 25 |
| Britujo: . . . . . 11 | Francujo: . . . . 13 | Japanujo: . . . . 11 | Nederlando: . . 3 | Svedujo: . . . . 4 |
| Bulgarujo: . . . 22 | Germanujo: 39 (20) | Jugoslavio: . 2 (45) | Norvegujo: . . . 2 | Svisujo: . . . . . 9 |
| Ĉeĥoslovakio: 4 (51) | Hindujo: . . . . . 2 | Kosta-Riko: . . 1 | Persujo: . . . . 1 | Usono: . . . . . 5 |
| Ĉinujo: . . . . . 1 | | | | Sume: . . 346 (238) |

PARENTEZE: OPE VENDITAJ

ankaŭ helpos vin trovi la resanigilon por mia aflikto." Oraetes leviĝis ĝojege. Li foriris, en spirito almenaŭ okdek jarojn pli juna ol kiam li venis.

IV.

„Parolu!' diris Oraetes al Menopha, en la palaco de Memfis.

Kaj Menopha respondis. „Via reĝa moŝto, se vi estus juna, mi ne respondus, ĉar la vivo ankoraŭ plaĉas al mi; sed, ĉar vi estas multaĝa, mi diros, ke la reĝino, simile al kiu ajn alia mortemulo, devas pagi la punon de krimo."

„Krimo?" ekkriis Oraetes kolere.

Menopha humile klinis la kapon. „Jes; al ŝi mem."

„Mi ne estas en humoro por enigmoj," diris la reĝo.

„Tio, kion mi diras, ne estas enigmo. Ne-ne-hofra kreskis sub mia zorgo, kaj ŝi konfidis al mi ĉiun okazaĵon de sia vivo, inter aliaj, ke ŝi amas la filon de la ĉefĝardenisto de via patro, Barbec estas lia nomo."

La brovsulkoj de Oraetes grade malaperis.

„Kun tiu amo en sia koro ŝi venis al vi, ho reĝo; pro tiu amo ŝi mortos".



Mediumdesegnaĵo

„Kie estas la filo de la ĝardenisto nun?" demandis Oraetes.

„En Essouan".

La reĝo foriris kaj donis du ordonojn. Al unu kortegano, Oeris, li diris: „Iru al Essouan kaj konduku ĉi tien la junulon nomitan Barbec. Vi lin trovos en la ĝardeno de la patro de l' reĝo; al alia: „Kunvenigu laboristojn kaj bovojn kaj ilojn, kaj konstruu por mi en la lago Ĉemmis insulon kiu, kvankam ŝarĝita de templo, palaco, kaj ĝardeno, kaj diversspecaj fruktoj, kaj vinberejo nepre, devos flosi tien ĉi kaj tien, laŭ la plezuro de la ventoj. Konstruu la insulon kaj atentu, ke ĝi pretiĝu je la malkresko de la luno".

Tiam al la reĝino li diris: „Estu ĝoja. Mi scias ĉion, kaj mi sendis por Barbec".

Ne-ne-hofra kisis liajn manojn.

„Vi povas havi lin por vi, kaj li vin por si, kaj mi ordonos, ke neniu ĝenu vin dum unu jaro.

Ŝi kisis liajn piedojn; li ŝin levis, kaj kisis; kaj la rozoj revenis al ŝiaj vangoj, la skarlato al ŝiaj lipoj kaj la rido al ŝia koro.

V.

Dum unu jaro Ne-ne-hofra kaj Barbec, la ĝardenisto, naĝis tien ĉi kaj tien, laŭ la blovo de l' ventoj, sur la insulo de Ĉemmis, kiu fariĝis unu el la mirindaĵoj de la mondo; neniam ekzistis pli bela hejmo de amo. *Dum unu jaro,* ili vidis neniun kaj vivis por neniu krom si. Tiam ŝi revenis pompe al la palaco en Memfis.

„Nun, kiun vi amas plej multe?" demandis la reĝo.

Ŝi kisis lian vangon kaj diris:

„Reprenu min, ho bona reĝo, ĉar mi resaniĝas".

Oraetes ridis, ne pli malbone, en tiu momento, malgraŭ siaj cent kaj dek jaroj.

„Do, estas vere, kiel diris Menopha: ha, ha, ha! la resanigilo de amo estas amo".

„Mi tiel kredas, ho bona faraono," ŝi respondis.

Subite lia maniero ŝanĝiĝis, kaj lia rigardo fariĝis terura.

Mi ne tiel kredas," li diris.

Ŝi ektremis, kaj kuntiriĝis.

„Kulpulino," li diris. „Vian ofendon al la homo Oraetes li pardonas; sed via ofendo al la reĝo Oraetes devas havi sian punon".

Ŝi sin ĵetis al liaj piedoj plorante.

„Silentu!' li ekkriis. „Vi estas mortinta!"

Li kunfrapis la manojn, kaj terura procesio envenis, procesio de enbalzamigistoj, ĉiu kun ia ilo aŭ materialo de sia abomeninda profesio.

La reĝo montris al Ne-ne-hofra. „Ŝi estas mortinta. Faru vian laboron bone."

VI.

Post sepdek du tagoj oni portis Ne-ne-hofran, la belulinon, al la kripto elektita por ŝia lasta ripozejo, kaj metis ŝin al ŝiaj reĝinaj antaŭulinoj; tamen nenia procesio je ŝia honoro sekvis ŝin trans la sanktan lagon. *(Originale)*



# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

JULIO BAGHY

KVINA ĈAPITRO.

La vagonaro ekmoviĝis. En la kupeo estis malvarme kaj la petrollampo palpebrumante lumigis la kadukan internon. Dika glaciornamaĵo kovris la fenestrojn de la vagono.

Johano, tirinte sin en anguleton, senvorte rigardis la rustan anson de la interkupea pordeto. La virino, por varmiĝi, premis sin forte al li.

Kontraŭ ili sidis korpulenta kamparano, ronkante.

— Johano Juroviĉ, faru ion, ke li ĉesu ronki. — diris ŝi nerve. — Mi ne povas elteni la ronkadon.

Johano mallaŭte ekfajfis. La ronkado iom mallaŭtiĝis. La virino ekridis.

— Vi estas tre lerta, Johano Juroviĉ. Mi uzos ĉi tiun rimedon ĉe mia edzo. Li terure ronkas.

Johano mallaŭte rimarkis.

— Kion vi farus en nia ĉambro? Precipe, kiam Varga ronkas. Li ŝajnas senfeligi vulpon dum la dormo.

La konduktoro venis kun kontrolanta milicano.

— Dokumentojn, gesinjoroj! Dokumentojn!

Johano montris sian pasporton. Ĝi kaj la biletoj estis en ordo. Nun la milicano ekskuis la dormantan vilaĝanon.

— He! Vekiĝu! Montru la dokumenton!

La kamparano dormeme elpoŝigis eluzitan kartonon kaj transdonis ĝin. Dum la milicano ĝin rigardis, la kamparano denove ekdormis kaj ekronkis terure.

La virino ŝtopis la orelojn per la fingroj. La milicano kaj la konduktoro ridegis.

— La bileton, sinjoro! La bileton! — skuis lin la konduktoro.

— Nu! Kion?

— La bileton, sinjoro!

— Aha! Tuj... tuj...

La kamparano post longa penado trovis la bileton en iu interna poŝo de sia vesto, kie li gardis ankaŭ sian monon. — Unu kaj trirublaj bankbiletoj falis el la poŝo. Johano prenis kaj donis ilin en la manon de la dormema kamparano.

— Nu! Kion vi volas? — demandis la kamparano kaj senkomprene rigardis la monbiletojn.

— Via mono! Vi faligis ilin, — klarigis Johano.

— Jes??... Mia mono?... Nu bone! — kaj li ŝovis ilin en la poŝon de sia pantalono.

La milicano kaj la konduktoro ridante foriris.

La kamparano tuj ekdormis kaj post iom denove komenciĝis la ronkado.

Johano fajfetis. La ronkado ĉesis, sed nur por momentoj. La virino nervoziĝis.

Tiel estis dum la tuta, duonhora vojaĝo.

La vagonaro haltis antaŭ la stacidometo. La virino rapidis antaŭen kaj Johano estis sekvonta ŝin, kiam ies mano lin retenis.

Johano turnis sin kaj la kamparano singarde ĉirkaŭrigardante flustris hungarlingve al li.

— Kamarado! Ne iru hodiaŭ en la urbon!

— Kial?

— Mi ne povas diri pli. Eĉ tio, kion mi diris, estas jam tro multa.

— Mi devas akompani tiun ĉi sinjorinon en la urbon.

— Ĉu ŝi estas via amatino?

— Ne!

La kamparano eklevis la ŝultrojn.

— Faru kion vi volas! Mi nur bonintence avertis vin, samlandano.

Ekstere la virino atendis.

— Sinjoro Bardy! Rapidu! Estas froste, — ŝi vokis Johanon.

Johano atente rigardis la vizaĝon de la nekonato.

— Kiu vi estas?

La kamparano senresponde disbutonumis sian mantelon kaj montris ruĝan rubandeton sur sia brusto. Momenton li retenis Johanon kaj subite li elvagoniĝis kontraŭflanke kaj kurante tra la reloj malaperis en la apudan arbaron.

Johano surprizite kaj konjektante malbonon sekvis lin per rigardo.

— Sinjoro Bardy, kio estas al vi? — interesiĝis la virino kiu intertempe denove envagoniĝis.

— Nenio grava! — respondis distrite Johano.

La virino esploris la seriozan mienon de Johano.

— Ĉu io okazis?

— Jes! Io okazis kaj mi ne scias kion fari?

— Kio?

— Hodiaŭ nokte io okazos en la urbo. Verŝajne ŝanĝo de reĝimo.

— Kiel do?

— Mi ne scias, sed tiu ĉi kamparano havis la insignon de bolŝevikoj.

— Nu, tion multaj havas kaj nenio.

— Sed li avertis min, ke mi ne iru en la urbon.

— Kaj vi ektimis! — diris la virino kaj al Johano ŝajnis iom da malrespekto en ŝia voĉo.

— Mi ne timas, sed eviti malagrablaĵojn estas pli prudente ol kuri kun la kapo al muro.

— Vi do ne volas min akompani hejmen?

— Tion mi ne diris. Kio ajn okazos, mi devas akompani vin. Vi ja estas hodiaŭ sub mia gardo.

Ili elvagoniĝis kaj ekiris al la urbo.

La nokto silentis. Ĝiaj malgrandaj lampetoj palpebrumis dormeme inter la blankaj nuboj.



Mediumdesegnaĵo

Johano kaj la virino rapidis tra la senhomaj stratoj kaj stratetoj. Kelkfoje aŭdiĝis longe tirata bojado.

— La hundoj maltrankviliĝas, — rimarkis mallaŭte Johano.

— Ĉiunokte ili maltrankviliĝas, — kaj moketo aperis en ŝiaj okuloj.

— Ne ĉiunokte. Mi jam centfoje vagadis nokte en la urbo, sed neniam estis tiel mortŝajna la urbo... Rigardu tiun dometon. Tie loĝas Medvedjuk, la tigro. Tiu domo fruvespere ĉiam estis luma. Nun la fenestroj dormas. La tigro antaŭsentas danĝeron. Mi kuraĝus veti, ke li jam ne estas en la urbo.

— Kial vi nomas sinjoron Medvedjuk „tigro"?

— Ĉar li estas vera tigro. La rusaj soldatoj donis al li ĉi tiun nomon. Ni militkaptitoj nur transprenis la trafan epiteton. Pli kruelan homon mi neniam konis. Li estas kruela kaj sangavida.

— Sed la tigro havas tre ĉarman edzineton kaj beletan filieton. Lia edzino tre plaĉas al via amiko. Doŝky tre simpatias kun ŝi.

— Doŝky? Li nur kompatas la malfeliĉan virineton kaj la knabeton. Tiu ĉi kompato naskiĝis en li, kiam la tigro loĝis kun sia familio en nia militkaptitejo kiel komandanto. Post la vizito de la svisa Ruĝa Kruco oni translokis lin en la urbon per subita ukazo.

— Jes mi rememoras. Oni multe parolis pri tio en la urbo.

— Pro diversaj kruelaĵoj li devis forlasi sian postenon. Lia plej abomena kruelaĵo estis, kiam dek barakojn plenajn de militkaptitoj li ordonis ekbruligi. En ili estis pli ol tri mil malfeliĉuloj, suferantaj je ekzantema tifo. Ili ĉiuj mortis kaj li eĉ fanfaronis, ke jen estas la plej efika rimedo por haltigi la epidemion.

La virino ektremis.

— Ĉu al vi estas malvarme? — demandis Johano.

— Ne!... Mi vidas antaŭ mi tiujn malfeliĉulojn, kiuj post la najlitaj pordoj pereis en la flamoj... Ni rapidu!

Ili ekrapidis. La domo de la prokuroro estis preskaŭ ĉe la alia ekstremo de la urbo kaj ili apenaŭ faris la duonon de la distanco.

El iu apuda strato subite rusa patrolo el dek soldatoj kaj unu suboficiro venis renkonte al ili.

— Ĉu vi vidas, sinjorina moŝto, la patrolo estas pli granda el ordinare?

— Jes! — respondis la virino kaj en ŝia voĉo oni povis rimarki malagrablan surprizon.

La patrolo haltis, ĝia komandanto alparolis ilin.

— Dokumentojn!

Johano montris sian pasporton. La komandanto rigardis kaj redonis ĝin. Nun li rigardis la vizaĝon de la virino, lumigante ĝin per la manlanterno.

— Nu, bone!

Li salutis la virinon kaj mallaŭte komandis al la patrolo.

— Maar-ŝu!

La patrolo ekmarŝis, sed la komandanto ankoraŭ postrestis minuton kaj flustre diris al ili:

— Rapidu kaj ŝlosu forte la pordojn. Kiu ajn bruus, frapus, ne malfermu.

— Ĉu okazos io? -- demandis la virino, ne povante kaŝi sian timon.

— Kontraŭrevolucio!... Ankoraŭ ne certaĵo, sed spionoj raportis, ke bolŝevikaj bandoj cirkulas ĉirkaŭ la urbo kaj volas ataki la urbon. Ĉu la sinjoro prokuroro estas hejme?

— Ne! Li vojaĝis ankoraŭ frumatene al Tockoesavsk.

— Hm! Domaĝe, ĉar la bandoj venas el tiu direkto.

La virino ektremis. La suboficiro rapidis al siaj subuloj.

— Johano Juroviĉ, mi timas.

— Ne timu! Li diris, ke ankoraŭ ne estas certe... Ni rapidu!

— Jes!... Ni rapidu!

Preskaŭ kurante ili atingis la longan straton, ĉe kies fino jam vidiĝis la belaspekta domo de la prokuroro. Apenaŭ ili faris kelkajn paŝojn, el la malproksimo aŭdiĝis pafado.

— Jen! Ĝi jam komenciĝas, — flustris la virino kaj forte premis sin al Johano.

— Eble ĝi estas nur senkaŭza alarmo — Johano provis trankviligi ŝin.

Ili atingis la domon. Johano malŝlosis la pordegon kaj transdonis la ŝlosilon al la virino.

— Zorge ŝlosu la pordegon! — li diris kaj premis ŝian manon por adiaŭo.

La virino forte ekkaptis lian manon.

— Kion vi volas?

— Mi iras hejmen.

— En tia danĝera tempo?

— Ne grave! Vi opiniis antaŭ nelonge, ke mi estas malkuraĝa. Mi nur vin avertis pri la danĝero, mi timis nur pro vi. Adiaŭ!

— Ne, ne, ne! Vi devas resti! En tia tempo devas esti viro en la domo.

— La bone ŝlosita pordego pli bone defendos vin, ol mi sen armilo.

Subite aŭdiĝis bruo de veturilo kaj la pafado estis pli laŭta kaj ofta. Ĉe la fino de la strato aperis armita trupo.

— Je la amo de Dio! Venu! — kriis la virino kaj tiris Johanon en la korton.

La paŝoj de la trupo pliproksimiĝis. Johano ŝlosis la pordegon. Ankaŭ la riglilon kaj la fermstangon li prizorgis atente. Dume la virino frapis la pordon de la vestiblo.

Post kelkaj minutoj interne aŭdiĝis dormemaj paŝoj.

— Kiu? — demandis raŭka virina voĉo.

— Malfermu, Marusa, malfermu! Mi estas, — ŝi respondis tenante Johanon ĉe la mano.

La pordo malfermiĝis, ili enrapidis.

— Zorge ŝlosu la pordon, Marusa!

La pelton ŝi ĵetis de si.

— Ĉu la fenestro-fermiloj estas fiksitaj, Marusa?

— Jes! — murmuris la knabino.

Johano pendigis sian kaj ŝian peltojn sur vestpendilon.

— Ĉu vi pretigis la samovaron?

— Jam de longe!

— Nu bone. Portu ĝin en la ĉambron.

La servistino iris en la kuirejon kaj ili paŝis en la ĉambron. Agrabla varmo akceptis ilin.

La virino turnis la butonon de la elektra lampo. Johano staris en mezo de la ĉambro kaj lia unua rigardo renkontis la grandan portreton de la edzo, kiu ŝajnis riproĉe rigardi lin.

Ŝi ekĝemis, kvazaŭ liberiĝinte de peza ŝarĝo.

— Dank' al Dio! Ni estas ekster danĝero.

Johano nenion diris. Li estis profundiĝinta en la observado de la portreto.

— Kion vi rigardas?

— Vian edzon.

— Kie? — ŝi demandis kun pretera ektremo.

— Tie. Sur la muro... Vidu kiel riproĉe li rigardas nin!

— Vi havas viglan fantazion.

La servistino venis en la ĉambron kun la samovaro. Ŝi metis ĝin sur la tablon kaj atendis pluajn ordonojn.

— Kion vi volas, Marusa?

— Mi volis demandi, ĉu vi deziras ion?

— Nenion, Marusa, nenion. Vi povas foriri.

La servistino ekiris al la pordo, sed la virino haltigis ŝin

— Marusa! Kiel fartas la bubeto?

— Li estis iom maltrankvila, sed antaŭ unu horo li ekdormis.

— Vi povas foriri por dormi.

— Jes!

La servistino restis senmova kaj rigardis sian sinjorinon kvazaŭ havante ion por diri.

— Ĉu vi volas ion, Marusa?

— Nenion!... Mi nur havis malbonan sonĝon... Mi vidis la sinjoron tute sanga en mia sonĝo kaj tio ne signifas ion bonan... Ankaŭ vin mi vidis en blanka kitelo kaj vi...

— Mi ne estas scivola pri viaj sonĝoj, — interrompis ŝin la virino.

— Bone, — la knabino levis la ŝultrojn kaj murmuris kvazaŭ al si, — sanga korpo kaj blanka kitelo signifas malfeliĉon... Mia avino estas jam tre maljuna kaj ŝi ĉiam diris, ke la sonĝoj antaŭmontras la sorton... Mi nur volis diri...

Ŝi forlasis la ĉambron.

Johano ankoraŭ staris en mezo de la ĉambro kaj superstiĉaj sentoj vekiĝis en li. La virino, kvazaŭ instinkte diveninta ilin, iris al Johano kaj milde ĉirkaŭprenis lin.

Johano per delikata protesta gesto liberigis sin el la ĉirkaŭplektantaj brakoj.

— Via edzo estas en danĝero. Mi sentas tion... Oni persekutas lin. Mi sentas tion... Ĉu vi ne sentas?

La virino staris momenton, kvazaŭ kaptite de la terura sugesto, sed poste nerve ekridante ŝi iris al la tablo por pretigi la teon.

— Malvarme estas al mi, mi deziras glaseton da teo. Ĉu vi deziras ĝin kun lakto?

Johano nenion respondis. Li sidiĝis apatie kaj rigardis la ornamojn de la tablotuko. Ili estis brodItaj rozoj, grandaj ruĝaj rozoj, sed pro la ofta lavado ili ŝajnis nur grandaj sangmakuloj. Almenaŭ la fantazio de Johano vidis ilin tiaj.

La virino metis glason da vaporanta teo antaŭ Johanon kaj ektuŝis lin por veki el la apatio.

— Jen la teo!

Johano levis la kapon, sed lia rigardo renkontis tiun de

la edza portreto. La virino, kun subita decido, iris al la muro kaj turnis la bildon aliflanken.

— Nu! Ĉu bone?

— Kial vi turnis ĝin? Kial vi turnis ĝin? — demandis Johano kaj lia voĉo esprimis teruran timon. — Oni kutimas turni la bildojn de la mortintoj...

— Johano! — ŝi ekkriis.

— Returnu ĝin! Returnu ĝin!

La virino, sub la sugesto de ĉi tiu nerve kaj krude ripetata ordono, jam etendis sian manon al la bildo, kiam iu forte ekfrapis la pordegon.

Ŝi rigidiĝis pro ektimo.

La brua frapado sur la pordego ripetiĝis. Post momento aŭdiĝis rapidaj paŝoj sub la fenestro kaj iu kun freneza obstino frapadis la eksteran fenestrotabulon.

— Malfermu la pordon! — kriis Johano kaj li salte leviĝis de la tablo. — Marusa! Marusa! Malfermu la pordegon!

Marusa ektiminte kuris en la ĉambron. Johano kriis.

— Marusa, venu kun mi malfermi la pordon.

— Vi freneziĝis, Johano! Vi freneziĝis. Ĉu vi forgesis, kion diris la patrolkomandanto? Al neniu ni malfermu la pordon dum tiu ĉi nokto!

— Al neniu jes, sed al via edzo ni devas ĝin malfermi. Marusa, portu la ŝlosilojn!

La knabino kuris en la vestiblon. La virino haltigis ŝin.

— Marusa! Marusa! Ne kuraĝu malfermi!

La ekstera bruo sonis kaj sonis, ankoraŭ pli forte, pli malespere.

Johano krude puŝis la knabinon en la vestiblon kaj eltiris la keston de la skribotablo. Li serĉis revolveron.

Ekstere ĉesis la frapado, sed eksonis krioj. Laŭtaj sovaĝaj krioj.

Johano fine trovis la revolveron, ekkuris al la pordo, sed la virino ĵetis sin al lia kolo.

— Johano! Kion vi volas fari? Vi volas, ke oni mortigu nin! Ili estas sovaĝaj, brutaj kamparanoj!!... Johano! Marusa, ne lasu lin! Dio mia!

— Lasu! Lasu min! Via edzo staras antaŭ la pordego kaj oni persekutas lin! Mi sentas tion. Mi antaŭsentas tion! Marusa la ŝlosilojn! Lasu!

Marusa staris tremante kun la ŝlosiloj en la mano kaj eksploris.

— Kion fari? Kion fari? — ŝi ĝemis.

— Eh! Lasu! — kriis Johano kaj per ĉiuj fortoj li puŝis de si la virinon. Ŝi falis sur la kanapon.

En tiu momento ekstere ektondris pafo. La bruo ĉesis momenton, por poste eksplodi pli furioze.

En la ĉambro aŭdiĝis krako kaj bruo de rompiĝanta vitro. La edza portreto falis de la muro kaj ĝia vitro rompiĝis en cent pecojn.

Johano rigardis tien kaj ekkriis terurite.

— Vi mortigis vian edzon! Vi mortigis vian edzon!

La superstiĉo kaptis ambaŭ virinojn. Marusa, genuante antaŭ la sankta lampeto, plore ĝemadis. La virino, baraktante sur la kanapo, ŝiradis siajn harojn. El la tria ĉambro eksonis infanploro. Johano kun mieno de frenezulo rigide rigardis la portreton de la edzo, kiu kap-al-tere, kvazaŭ masko de mortinto, kuŝis apud la muro.

Ekstere la bruo fariĝis tute freneza. Raŭkaj ridegoj eĥis tra la stratoj kaj oni povis klare aŭdi voĉon:

— Lasu lin, kamaradoj! Ĉu vi ne vidas, li ne povas veni plu?

Johano rekonsciiĝis kaj iris al la vestiblo por malfermi la pordon. Marusa sekvis lin. La virino kuris en la trian ĉambron al sia ploranta fileto.

Johano malfermis la pordon de la vestiblo kaj aŭskultis. Sur la strato estis laŭta disputo.

— Li devas veni kun ni!

— Ĉu vi ne vidas, kamarado, ke li ne povas?

— Sed li devas, mi diras... Dum la nokto de la libereco ĉiu devas veni kun ni.

Nun raŭke oni ekkantis.

Fine falis en polvon la idol'
Venkas ĉion la volo de l'popol'
Fine falos de trono ĉiu reĝ'
Kaj triumfos egaleco de la leĝ.'

Ĉe la fino de la kanto ektondris pafo.

— Lasu, mi diras! — diris akra voĉo kaj iu forte frapis la pordegon per kalkanumo. — Ni iru!

La ekstera trupo ekiris kun laŭta ridego kaj sonis la kantado en akompano de pafoj.

Kamaradoj, alvenis venka hor,'
Kaj tagiĝo purpuras en la kor.'
Nia ruĝa standardo flirtas nun
Kaj la burĝoj tremtimas pro la pun'...

La kantado pli malproksimiĝis. Johano iris al la pordego. Marusa sekvis lin.

— La ŝlosilojn, Marusa!

La knabino donis la ŝlosilojn. Ŝi premis siajn orelojn al la pordego.

— Aŭskultu, Johano Juroviĉ! — ŝi diris kun tremanta voĉo — Li stertoras, kvazaŭ li sputus sangon el la gorĝo... Aŭskultu!

Johano singarde malfermis la pordegon kaj en la sama momento vira korpo, kvazaŭ senvive, falis al lia brusto. Johano preskaŭ perdis la ekvilibron.

Kun la helpo de Marusa li trenis la stertorantan viron en la korton. La luno eklumigis la vizaĝon de la viro kaj Marusa ekkriis.

— Ivan Nikolaeviĉ!

— Kiu? — demandis Johano surprizite.

— Ivan Nikolaeviĉ Radĉenko! La servisto ĉe la tribunalo. Hodiaŭ frumatene li portis la sinjoron per glitveturilo al Tockoesavsk.

— Ĉu li estas vundita? — demandis Johano kaj dume li reŝlosis la pordegon.

Marusa ekridis.

— Ne, tute ne! Li estas ebria... Kiel porko li estas ebria.

— Kie estas la sinjoro? Demandu lin, Marusa! Tockoesavsk estas tritaga vojo de ni kaj li jam revenis... Demandu lin!

Marusa ekskuis la senpovan viron, kiu kuŝis sur la tero kaj malfacile, kvazaŭ stertorante spiradis, kraĉadis ĉiumomente.

— Ivan Nikolaeviĉ!... Ĉu vi aŭdas!?... Ivan Nikolaeviĉ!

La viro malfermis la okulojn kaj mucide ridetis.

— Kamaradoj, alvenis venka hor'... — li komencis kanti, sed liaj lastaj vortoj jam dronis en dormo.

— Ni nepre devas eksciі, kie li lasis la sinjoron prokuroron, — diris Johano kaj ankaŭ li ekskuis la ebriulon. — Ivan Nikolaeviĉ! Ĉu vi aŭdas?... Rekonsciiĝu!

— Je... s! — singultis la ebriulo.

— Kie estas via sinjoro?

— Kaj tagiĝo ... fine polvo ... n la idol' ... — kantis plu Radĉenko.

Johano per sia tuta forto ekskuis la ebriulon kaj krie ripetis la demandon.

— Ivan Nikolaeviĉ! Kie vi forlasis la sinjoron prokuroron?

Radĉenko ekridis.

— Li estas bona homo... Li estas bo ... na hooomo!

— Bone! Bone! Mi scias, sed kie vi lasis lin?... Homo, parolu!

Radĉenko viŝis la vizaĝon per sia neĝkovrita mano. Marusa kelkfoje vangofrapis lin. Johano konstante skuis kaj penis levi lin de la tero.

— Ivan Nikolaeviĉ! Ĉu ne honte al vi?! — riproĉis lin Marusa. — Porko vi estas, vera porko!

— Homo! Parolu je la amo de Dio! Kie estas via sinjoro?

Radĉenko, kun videbla penado, klopodis ordigi siajn pensojn.

— La sin... joro... Eh!... Mi ne sci... as. — kaj la ofta singultado apenaŭ lasis lin paroli.

— Kie li loĝas? — demandis Johano la knabinon

— Ĉi tie, en la ĝardena dometo.

— Ĉu li havas edzinon?

— Jes.

— Voku ŝin tuj!

Marusa ekiris al la ĝardeno. Sur la sojlo de la vestiblo aperis la sinjorino kun knabeto dujara sur sia brako.

— Kio estas, Johano Juroviĉ? — ŝi demandis.

— Ivano Nikolaeviĉ venis hejmen tute ebrie...

— Ah!... Ivan Nikolaeviĉ?... Kaj kion li diras?

— Eĉ unu saĝan vorton ni ne povis eksciі de li... Li estas kvazaŭ porko.

Radĉenko komencis kanti.

— Kama... radoj... maradoj... doj...doj ...doj... — kaj li ekridegis.

La sinjorino reiris internen por gardi la knabeton de malvarmumo kaj post minuto ŝi revenis sola.

Radĉenko ankoraŭ kantis.

— Fine falis... ĉar vere falis... ĉar deviiijs fa ... li la ... idol.

La sinjorino ekkaŭris al la ebriulo.

— Ivan! ... Ivan Nikolaeviĉ!

— Ivan Nikoa ... Nikla ... Hehe! — komencis mediti la ebria viro — Kiu estas Ivan Nikolaeviĉ? Kiu? ... Kiiiuu? ... Ivĉjo Nikloviĉ estas mi. Mi estas Nikolav ... Pro diablo ...

Mi ne po.. vas eldiri . . . Hehe! Mi estas . . . mi essss sss . . sss . . . Silentu! . . . Si . . . lentu!

La virino skuis lin.

— Ivan! Kie vi forlasis mian edzon? . . . Ĉu vi aŭdas?

Radĉenko larĝe malfermis la okulojn, kvazaŭ montri, ke li estas en tute sobra stato.

— Nat... nature mi aŭdas! Kial ne aŭdi?... Mi hav... as orelojn. Mi aŭdas, vi aŭdas kaj ili . . . Jes!

— Ivan! — daŭrigis la demandadon la virino. — Ĉu oni mortigis mian edzon?

— Kial mortigi? . . . Kial mort.. i.. gi?

— Ĉar li ne revenis kun vi.

— Li ne venis, ĉar li ne volis, — kaj li kantante daŭrigis laŭ la melodio de la marseljezo. — Li ne veenis, ĉar li iiris for.. tramtratam ta.. tam ta tam.

— Ĉu li ne diris ion al vi?

Radĉenko daŭrigis la kantadon.

— Kaj li diiris jen leteeero, donu tiion al edzin' . . .

— Ĉu li donis leteron al vi?

— Jes li donis leteron tra tra ra . . .

— Kie? Kie estas la letero?

Radĉenko kun larĝaj gestoj daŭrigis la kantadon.

— En la pooŝ' de l' mantel', ta tara ta . . .

Johano traserĉis la poŝojn de la ebriulo kaj trovinte la leteron transdonis ĝin al la virino. Ŝi kuris kun ĝi en la domon vokante Johanon post si.

— Venu! Venu! . . . Lasu tiun porkon. Lia edzino jam venas por li.

Johano ekiris al la vestiblo. La edzino de Ivan Nikolaeviĉ venis kun laŭta blasfemado tra la ĝardeno.

Johano estis jam sur la sojlo, kiam li aŭdis la bruon de la abundaj vangofrapoj, per kiuj la edzino regalis sian edzon.

Radĉenko plenpulme kantis.

— Fine falis en polvon la idol' . . .

— Falis vi en polvon, vi, ebria porko, ke Dio sekigu vian gorĝon! Vi, fava porko!

Johano iris en la ĉambron.

La virino sidis sur la kanapo kaj legis la leteron. Apud ŝi sidis ŝia fileto. Johano haltis atende antaŭ ŝi.

Fininte la legadon ŝi senvorte transdonis la leteron al Johano. Li komencis legi la disĵetitajn liniojn.

Amata edzino!

Terura situacio devigis min forlasi la hejmon. Mi mensogis al vi, dirante, ke oficialaĵoj vokas min al Tockoesavsk Ne pro tio mi foriris. La menŝevika reĝimo falis kaj mi, kun kelkaj, devas min savi per kuro. Kiam vi legos tiun ĉi leteron mi jam estos malproksime de la urbo. Mi savas min por vi. Post la paso de la uragano, espereble baldaŭ, mi revenos al vi.

Mi rifuĝas kune kun sinjoro Medvedjuk, kies spionoj ankoraŭ ĝustatempe avertis nin pri la danĝero. Kien ni irass, mi ankoraŭ ne scias, sed eĉ se mi scius, mi ne kuraĝuvsciigi vin nun pri tio.

Mi estas plena de timo pri vi, sed mi esperas, ke la virinojn indulgos la nova reĝimo kaj ĝi ne venĝos la forkurintojn je iliaj senkulpaj parencoj.

Ĉion vi trovas en ordo en mia skribotablo. La dokumentojn transdonu al tiuj, kiuj venas en la nomo de la nova registaro kaj penu akiri ilian favoron por vi. Turnu vin por defendo al sinjoro Bardy, kies samlandano estas unu el la ĉefuloj de la ruĝa armeo. Li verŝajne ne rifuzos sian helpon al vi kaj al nia malgranda Fedja. Li estis al mi ĉiam bona amiko, kiu havas koron por la malfeliĉuloj. Mi ne estos sendanka al li post mia reveno.

Ne maltrankviliĝu pro mi, ĉar, kiel eble plej baldaŭ, ni revidos unu la alian. Ĉiutage kisu anstataŭ mi la malgrandan Fedja! Ĉiam kun ama koro rememoras pri vi via malfeliĉa edzo. Fedja.

Dum la legado la virino atente rigardis la mienon de Johano. Ĝi jen esprimis doloran surprizon, jen ekflamis pro subita kolero.

Nun li redonis la leteron. Senvorte. Estis silento dum kelkaj minutoj.

La virino leviĝis de la kanapo, iris al la skribotablo kaj fermis la leteron en la tirkeston.

— Nu! Kion vi opinias? — ŝi komencis.

Johano ne respondis. Turmentaj pensoj atakis lin. Kion diri aŭ kion fari? Terura situacio. Lasi virinon al la duba protektado de militkaptito, kiu mem estas sen defendantoj. Kiamaniere li povus gardi ŝin kaj ŝian fileton kontraŭ tiuj, kiuj venos en la nomo de la nova reĝimo? Li estas ja fremdulo en tiu ĉi lando, kiu ne havas civitajn rajtojn. Kial pensis ĝuste pri li la forkurinto?

— Ĉu vi ne havas opinion, Johano Juroviĉ, aŭ via opinio estas tiel profunde ofenda, ke vi ne kuraĝas ĝin diri?

— Ne!

— Kial vi ne diras do?

— Ĉar mi ne scias, kion diri kaj kion fari.

— Vi estas prava. En via situacio ankaŭ mi ne povus tuj decidi. Mi eĉ ne indignas pro tio. Sed mi devas rimarki ion. Mia edzo forlasis nin je la duba favoro de vandaloj. Tion mi ne bedaŭras, ĉar, se ĝi estas puno, mi meritas ĝin. Mi neniam amis lin, naŭze mi turnis min ĉiam de li. Sed li trudis al vi neelporteblan respondecon per sia peto kaj tio ĉi estas tre ĝena kaj tre hontiga afero por mi. Mi vidas, ke vi ne volonte akceptas la protektadon. Mi komprenas vin. La sola argumento, kiun mia edzo havas por senkulpigi sin estas, ke inter la soldatoj kaj gvidantoj de la nova reĝimo estas ankaŭ viaj samlandanoj.

— Sinjorina moŝto . . .

— Ankoraŭ mi ne finis . . . Mallonge: mi devas konfesi, ke mia edzo konas mian neestingeblan amon al vi.

— Katja!

— Ne timu! Mi mem diris tion al li. Mi mem!

— Kaj li.

— Li silentis, ĉar li ne havas rajton fari riproĉojn al mi. Mi levis lin al tiu pozicio, kiun li okupis ĝis nun.

— Mi ne komprenas vin.

— Estas malfacile kompreni tion, ĉar la plena konfeso eble detruus nian amikecon. Eĉ tiun atoman estimon, kiun vi sentas al mi, mi perdus per la sciigo de la vero.

— Vi devas esti pli sincera.

— Ne postulu tion, Johano Juroviĉ! Ne postulu tion!

La virino kun petega mieno staris antaŭ Johano. Li ekkompatis ŝin.

— Vi estas prava, Katja. Mi ne havas rajton demandi vin.

La virino iris tute proksimen al li kaj diris kun certeco en sia voĉo.

— Nur vi havas rajton, Johano, kaj neniu krom vi. Mia edzo ĵetis min al vi. Mi apartenas de nun al vi. Nur al vi.

Ŝi karese ĉirkaŭbrakis Johanon.

Johano staris senmove. Liaj pensoj vagadis tre malproksime. Li vidis antaŭ si siajn proprajn. La infano sur la kanapo, la virino, flustranta amajn vortojn, kiel iam lia edzino, la intima varmo de la hejmo fremda, kiu senĉese mistifikas lin, la tuŝo

## AMKANTO

**SAPPHO**

Ho, feliĉa vir', egalanta diojn,
Kiu en proksim' de vi povas sidi
Kaj aŭskulti vin, la parolon freŝan
Ridon arĝentan!

Kaptas min korprem', se mi vin ekvidas.
Via vizaĝet' se aperas brile,
Lamas mia lang', ne kapablas lipoj
Vorton eldiri.

Palas mia vang', tra la haŭt' fajreroj
Kuras, brulas mi de sopir' sovaĝa,
Turnas min la kap', mia vido vibras,
Muĝas oreloj.

Ŝvit' malvarma sur la tremanta korpo
Gutas. Mia vang' jam ekvelkas kiel
Herb' aŭtuna. Kaj pro dolor' sufoka
Svene mi falas.

*K. de Kalocsay*

de karesantaj manoj, ĉio ĉi dum momento ŝajnis belega sonĝo, kiu katenis lin.

— Johano, mi estas via. Mi estas via rajta posedaĵo. Li donis min al vi, ankaŭ li donis min al vi . . . Kaj mi amas vin, Johano, tiel sincere, tiel sindone, kiel ankoraŭ neniu amis vin . . .

La virino, sentante sian superecon, premis sin al la brusto de Johano. Johano ne kontraŭstaris. Li ne sciis, kion diri?

— Johano! Ankaŭ vi amas min! — ŝi flustris. — Vi ne povas tion nei plu. Ankaŭ vi amas min, Johano. Vi, mia kara, mia sola konsolo!

Kaj ŝi etendis siajn lipojn por kiso. Johano prenis ŝian blondan kapon inter siajn manojn kaj senvorte rigardis al ŝiaj brilantaj okuloj.

— Kisu min! — spiris la virino apenaŭ aŭdeble.

Johano jam forgesis pri ĉio. Li vidis nur la ridetantan tenton antaŭ si. Li sentis la varmegan spiron de la soifaj lipoj. Lian animon sklavigis la potenca sugesto de la flamantaj okuloj kaj lin kaptis neretenebla sopiro.

— Katja! . . . Katja! — li flustris sinforgese kaj liaj lipoj jam estis tuŝontaj la ŝiajn.

— Al paĉjo! . . . Al paĉjo! — ekploris la infano sur la kanapo.

Johano subite rekonsciiĝis. Al li ŝajnis, kvazaŭ lia propra infano estus lin avertinta. Flamruĝo de honto kaj kolero ekbrulis sur liaj vangoj. La virinon li forpuŝis de si kaj ekkriis plengorĝe.

— Marusa! . . . Marusa!

La virino, terurite de lia mieno, tremante rigardis min.

— Kio estas al vi? . . . Kio okazis?

— Nenio okazis! Nenio! Dank' al Dio! . . . Dio intervenis. Li avertis min per la buŝeto de via infano . . . Kvazaŭ mia infano estus kriinta.

Histerie ekridis la virino. Johano kriadis.

— Marusa! . . . Marusa!

— Kion vi volas? — ŝi demandis kun subita konsterniĝo.

— Mi volas foriri el tiu ĉi domo . . . Mi volas foriri tuj, por neniam reveni . . .

— Johano!

La virino falis antaŭ li kaj spasme ĉirkaŭprenante liajn krurojn ŝi petegis

— Johano! Ne foriru! . . . Ne forlasu min! . . . Kompatu min! . . . Johano, kompatu min!

Johano penis liberigi sin de la virino, kiu en malespera barakto tenis lin preme.

— Marusa! . . . — kriis Johano, kaj senpacience li rigardis al la pordo.

La manoj de la virino tuŝis la revolveron, forgesitan en la poŝo de Johano. Kun subita decido ŝi elpoŝigis ĝin kaj saltleviĝis.

— Iru! Iru, sed en la sama momento, kiam vi transpaŝos la sojlon, mi estos mortinta . . . Iru do!

Johano saltis al la virino kaj penis forpreni la danĝeran ilon el ŝia mano. La infano krie ploris. La pordo malfermiĝis kaj Marusa kuris en la ĉambron kun hirtaj haroj, dormema vizaĝo. Ekvidinte la revolveron en la mano de sia sinjorino, ŝi terurite ekkriis.

— Jesuo mia! Sinjorino!

Johano eltordis la revolveron kaj ĵetis ĝin en angulon de la ĉambro. La virino silente ekploris kaj fale sidiĝis sur la kanapon. Ŝi ĉirkaŭprenis sian fileton kaj kisadis lin freneze, senhalte.

Marusa staris senkonsile kaj rigardis jen al sia sinjorino, jen al Johano, kiu rompite pro la tumultaj okazaĵoj falis teren antaŭ la virino kaj klinis sian kapon sur ŝiajn genuojn.

Longa silento. Marusa piedpinte iris al la angulo kaj levis la forĵetitan revolveron.

— Dio mia! Dio mia! — ŝi ĝemadis mallaŭte. — Sanga korpo, blanka kitelo ne signifas bonon . . . Mi diris ja . . . Dio mia!

La mano de la virino moviĝis kaj karese palpadis la taŭzitajn harojn de Johano.

— Johano Juroviĉ! . . . Ĉu vi povus pardoni min . . . Johano Juroviĉ . . .

Ŝi denove ekploregis. Johano haltigis la karesantan manon kaj kisis ĝin.

Marusa milde ekpuŝis Johanon kaj mallaŭte demandis.

— Ĉu la sinjoro prokuroro mortis?

Johano rezigne respondis.

— Jes! . . . Li mortis por ĉiam . . .

---

# PENSO PRI LA ETERNO

**JANKO LESKOVAR**



En la vilaĝo Druŝkovaĉ vivis instruisto Djuro Martiĉ. Oni opiniis, ke li estas malsana, sed efektive, tion li ne sentis, sed tamen li ne fartis plu kiel iam, antaŭe. Nun tre elmontriĝis liaj bluaj vejnoj, kiuj delikate disvastiĝis ĉirkaŭ la okuloj kaj pilongiĝis tra la frunto. Ankaŭ liaj lipoj iel velkis kaj la oreloj maldikiĝis, paliĝis; sed tamen li ankoraŭ ne tusetas, kaj sian oficon ĉiam akurate li plenumas. Krom tio, la lerneja inspektoro estas pri li tute kontenta.

Kontraŭ la infanoj li estis bona, sed ofte lin kaptis ia enuo, de kiu nek la kaŭzon nek la nomon li povis trovi, kaj tiun ĉi enuon li ne povis forigi dum la tuta instruado. Se li rajtus, plej bone estus tiam sendi la infanojn hejmen, sed tion oni ne rajtas.

En tia stato li ne sciis gardi pri sia trankvileco en la lernejo, li estis malpacienca, ekscitiĝema, kaj nomis iun infanon azeno, malsaĝulo — aŭ kaptis iun ĉe la orelo aŭ hararo.

Post kiam tiu ĉi senkonscio lin forlasis, li bedaŭris ĝin kaj decidis: neniam plu, sed baldaŭ li denove same eraris.

Tio okazis ĉe li verŝajne pro la tro granda penado.

Li estis sola en la lernejo, kun duontaga instruado, kaj por tio li devis ankoraŭ instrui kelkajn horojn pli — kaj vintre eĉ ne sufiĉis la tago. Tamen ankoraŭ troviĝis tempo por ripozi; sed lin io ne lasis ekripozi, io ĉiam devigis lin mediti — mediti sen ripozo, ĝis fine lin kaptis kapdoloro. Tiam liaj nervoj komencis sur la palpebroj tremi, la vejnoj sur la tempioj danceti kaj li tute lacigite sin ĵetis sur la liton. Lia servisto Daŝa lin petis, ke li stariĝu, ke li sin senvestigu, por ke li pretigu la liton — li aŭdis tion, sed longe, longe li ne moviĝis, kaj eĉ vorton ne diris, kvankam ankaŭ li mem deziris la dormon.

Li senmezure sopiris je la noktoj, ĉar ili al li alportadis sonĝojn, kaj al la sonĝoj li donis signifon alian ol lin iam instruis lia instruisto de pedagogio en la instruista lernejo. Kiom li memoris, liaj sonĝoj de lia infanaĝo havis ian signifon, sed li ankoraŭ longe tenis la teorion, kiun li lernis en la instruista lernejo.

Sed antaŭ kvar jaroj okazis rompo kaj li disiĝis de la instruo de l' Herbart'anoj. Iun vesperon li kuŝiĝis kiel ordinare kaj ekdormis. Ĉu li vere dormis, tion li tute ne povus certe diri; li estis maldorma, tiel al li ŝajnis. La nokto estas malluma; li ekvidas sian patron revenantan hejmen kun lumigilo en la mano. Li venas al rivereto, kiu pligrandiĝis pro l'aŭtuna pluvo. Li ekiras sur la trabon kaj preskaŭ li jam transiris, sed jen, lia piedo forglitas kaj li malaperas en la malklara, kotplena akvo . . . En lia koro estiĝis malvarme kaj li ekskuiĝis. Li palpis sian frunton, kaj sur ĝi — malvarma ŝvito. Dank' al Dio, sonĝo.

La sekvintan tagon, kiam la infanoj ĵus eliris el la lernejo, li ekvidis homon venantan, vestitan per la vesto de lia regiono. Lin traigis timotremoj. La homo alvenis kaj li fikse ekrigardis lian vizaĝon.

— Mi scias, mi scias, — li diris mallaŭte — kaj kie vi eltiris lin?

— Iom pli malproksime de la trabo, li alkroĉigis ĉe la maljuna saliko.

De tiu tempo Djuro Martiĉ sin donis tute al la nokto, kiu portis al li en sia sino ian misteran vivon. Liaj sonĝoj estis tiel vivaj, efektivaj, ke li ofte konfuziĝis, kio efektive estas sonĝo, kio la vivo. Unu sonĝo, sufiĉe eksterordinara, ofte al li revenadis.

Li kunvenis kun mortintoj.

Ili estis liaj kunuloj: unu kiu dum tri jaroj ĉiutage po unu fojo kun li manĝis en popola kuirejo; li mortis ankoraŭ en la tria klaso, (oni ne sciis pro kio); al la dua vermetoj elmanĝis la pulmon, kaj la tria — nu, tiu povus ankoraŭ nun vivi, se li ne estus sin mortiginta. Kun tiuj tri — nun ili plu ne estis tiel malgrasaj — li ofte kunvenis. Komence li kvazaŭ sciis, ke li sonĝas, kaj li diris al ili: — „Amikoj, ĝi estas sonĝo, ne estas eble, vi estas mortintaj." — Sed ili komencis lin konvinki, ke ĝi ne estas sonĝo, ke ĝi estas la vivo, efektiva vivo. — Kio ja venas en vian kapon? — ili diris, — ni ja estas ĉi tie, jen al vi la mano! — Kaj al li ŝajnis, ke ĝi estas efektiva vero, kaj kiam li foje post tia sonĝo vekiĝis, tiel li konfuziĝis, ke li ne sciis, ĝis kie disvastiĝas la sonĝo, ĝis kie la vivo. Al li estis, kvazaŭ li estus ie sonĝinta ke liaj amikoj mortis kaj kvazaŭ en sonĝo li estus leginta tiun sciigon en sia pedagogia gazeto. Tamen, li ekserĉis tiun numeron de pedagogia gazeto, sed li ĝin ne trovis. Tiam li komencis revenigi diversajn rememorojn, sed tio lin ankoraŭ pli multe konfuzis kaj tiam li sidiĝis kaj skribis leteron al la patro de Ivan en Fiume, en kiu li petas lin pri la sciigo: kio estas al Ivan, ĉu li vivas aŭ li mortis. Kaj jam li volis sendi leteron, kiam denove komencis al li rememoraĵoj viciĝi, ideoj klariĝi.



Mediumdesegnaĵo

— Jes, mortintaj ili estas, mortintaj!

Sed ne estis ĉiam tiel; li havis ankaŭ belajn tagojn. Tiam li estis kvazaŭ renaskiĝinta: li enspiris profunde la freŝan aeron de Zagorje, la naztruoj al li larĝiĝis, la brusto pleniĝis, kaj kun intereso li ĉirkaŭrigardis la ĉarmegan naturon kaj tiam vidiĝis rideto sur liaj maldikaj lipoj.

II.

Estis iu sabato de monato decembro kaj malfrue posttagmeze. Jam antaŭ dek kvar tagoj multe neĝis kaj la neĝo restis, kaj la vetero tre malvarmiĝis. La firmamento estis mirinde serena, kaj la suno ankoraŭ ĉe la horizonto, kaj ĝiaj oraj radioj rebrilis sur la neĝa blankaĵo.

Djuro Martiĉ estis en sia ĉambro, kaj kantetis ion. Estas jam la tria tago, ke lin ne forlasas bonhumoro. Ĵaŭdon li estis invitita al tagmanĝo al najbara bienposedanto; la societo lin serenigis kaj ĝin poste li eĉ amuzis. Sed komence li estis malserena. Ĉiuj estis diketaj, nur li malgrasa, flava. Ĝis nun pri tio li ne pensis, sed tie unuafoje montriĝis al li pli videble lia propra persono. Kaj liaj okuloj senĉese ekrigardis siajn maldikajn piedojn kaj malgrasajn manojn, sur kiuj vidiĝis ĉiu vejneto, kaj tiam li ŝtelrigardis ankaŭ siajn najbarojn: kaj kiajn plenajn manojn kaj fortajn femurojn ili havis!

Li malsereniĝis.

Sed kiam li aŭdis la sinjorojn paroli kun granda intereso pri manĝaĵoj, kiam li aŭdis esprimojn: pikante, freŝe, dia odoro, — komencis lin forlasi la malbonhumoro. Jen „pikante, freŝe, odoro" — jen estas tio, jen... kaj pri tio li antaŭe eĉ ne pensis; nu, kaj lia Daŝa tiel eĉ ne scias.

La societo, kaj tiu „pikante, freŝe, odoro" rapide lin bunhumorigis, kaj rideto komencis naskiĝi sur lia vizaĝo.

Kontraŭ li sidis juna instruistino el najbara vilaĝo. Ili ofte sin ekrigardis, kaj li sentis, kiel io lin vigligas. Post la tagmanĝo ili parolis longe, longe. Ŝi diris, ke je la sekvanta dimanĉo ŝi venos kun sia amikino al meso en lian vilaĝon. Tio al li estis agrabla, kaj verŝajne tio estis ankaŭ ties kaŭzo, ke lin de post ĵaŭdo ne forlasis la bonhumoro.

Ŝi do alvenos! Io lin instigis, ke li morgaŭ eminentu en la preĝejo. Li ekserĉis notojn kaj sidiĝis ĉe la malnova fortepiano. Ankoraŭ li vidis siajn maldikajn piedojn, malgrasajn manojn, sed jam ĉe la unuaj akordoj li komencis forgesi sin kaj la morgaŭan tagon, kaj kiam li komencis ludi la D-duran fantazion de Volkmar, li tute perdiĝis; la grandioza fino, kvankam li ne nun aŭdis ĝin unuafoje, lin tute konfuzis. Ankoraŭ du, tri fojojn li ripetis la samon, kaj tiam li ekrigardis fikse ien malproksimen, malproksimen.

Antaŭ li malaperis eĉ la pintaj genuoj kaj malgrasaj manoj, la ĉambro kaj tiuj montetoj ekstere; li estis en la universa malpleno, en kiu ankoraŭ longe, longe resonis la lasta akordo, malproksimiĝante pli kaj pli, ĝis fine, ie malproksime, malproksime, ĝi malaperis.

En lia animo estiĝis malica, senkonsola malpleno. Do ĉu por ĉiam ĝi malaperis? ne estas eble; li aŭdis, sentis, kiel ĝi forflugis ien malproksimen, malproksimen, ĝi tie devas ankoraŭ esti, tie...

Li rekonsciiĝis.

Ree li ekvidis siajn malgrasajn manojn, maldikajn piedojn, kaj tra l' fenestro li ekvidis la sunon jam subirantan. Ĝi jam tuŝis la neĝan pinton de l' Kuna-monto.

Li stariĝis kaj denove fikse ekrigardis.

Ah, ĝi estas nur vizio. La suno, jam de ok minutoj kaj duono, devas esti malantaŭ la horizonto; tiom ĝia lumo bezonas por veni al ni. De la norda stelo ĝis ni, la lumo bezonas tridek jarojn. Tridek, tridek, ah, jen, tridek jarojn bezonas ankaŭ la lumo de nia tero por veni al la norda stelo. Jen, jen, laŭ tio ĉi sur la norda stelo post tridek jaroj vidiĝus la hodiaŭa tago.

La hodiaŭa tago do nenien malaperis, pereis, ah, post tridek jaroj ĝi vidiĝos sur la norda stelo, post kvin miloj da jaroj en la laktovojo; pli malproksimen, pli kaj pli en la universon, pli kaj pli malproksimen sen fino, falos hela bildo de la tero de l' hodiaŭa tago.

Oh, Dio, Dio, nenio malaperas, pereas; ĉio, ĉio estas eterna. Ah, kial min ja tiom doloras la kapo... Kiam mi mortos, eble mia animo, kiel la pensoj, flugos de stelo al stelo! Ah rave, ĝi sciiĝos pri pasinto de ĉiuj epokoj; ĉio, ĉio ĉi estas notita en la universo, nenio pereis; la hela bildo de ĉiu momento de l' ekzistado estas signita en la universo...

— Sinjoro, jen la lumigilo! — diris Daŝa.

— Bone, bone!

— Kaj kion vi vespermanĝos?

— Nenion, nenion, lasu min!

III.

Djuro Martiĉ ree sidiĝis sur seĝo antaŭ la malnovan fortepianon. Per la kubutoj li sin apogis sur la genuoj, kaj la kapon mallevis kaj apogis sur la manoj. Liaj okuloj estis fermitaj, la spirado mallongiĝis. — Unu ĉarma tago kaj ĝi estas ie en la universo.

Sur la tero kuŝas la ora brilo de l' suno. Verda faga arbareto tie kontraŭe estas tiel belega; kaj plaĉa valeto, kiun trafluas rivereto, estas tiel ĉarma, ĉarma. Li revenis el la lernejo, sola li estas en la ĉambro, ĉiuj estas ie ekstere, ili laboras. En la ĉambron falas la brila lumo de l' suno tra malgrandaj fenestroj. En ombro, en angulo pendas krucifikso. Nedireble facile estis al li en la koro. La suna brilo kaj verda arbareto kaj plaĉa valeto, ĉio estis nepriskribeble ĉarmega; li ne scias kial, sed estis ia sento de ĉasteco.

Kaj iam estis multaj tiaj tagoj, ĝis kiam iun aŭtunan matenon lia patro lin forveturigis al Zagreb, por ke li fariĝu sinjoro; al li estos bone poste.

Kaj en Zagreb la suno brilis, sed sen ĉarmo; alie ĝi brilas sur la naskobuloj.

Malrapide pasadis la tagoj, pasis ankaŭ jaroj. Kaj iun printempan tagon li sidis en malvasta ĉambreto supre, subtegmente, en X strato La kubutojn li mallevis sur la tablon, kaj per la manoj li apogis la frunton, kaj li estis kvazaŭ sen pensoj, kvazaŭ sen sento.

Malrapide la pordo malfermiĝis, kaj en ĝi aperis la filino de la mastro. Ŝi ektremis kaj volis reiri, sed ŝi ne povis. Malkuraĝe, hezitante ŝi eniris.

Li ne levis la kapon, sed ĉion li aŭdis kaj sentis, ŝiajn facilajn paŝojn, susuron de vestoj, kaj eĉ spiradon. Ŝi tremis, kliniĝis kaj genufleksis.

— Pardonu, mi estas ĉi tie, pardonu, mi ne povas plu...

Al li post tio ekfluis la larmoj kaj li laŭte eksingultis, genufleksis apud ŝi, karesis ŝiajn brakojn, vizaĝon, frunton, harojn; ŝi viŝis al li la larmojn, kaj al ŝi mem ili gutis de la vizaĝo. Kaj la Zagreba suno longe brilis ĉarme kaj milde.

Sed iun matenon li en sia ĉambreto ree senfortiĝis. Kaj ree ŝi alvenis kaj ree antaŭ li genufleksis.

— Ah, kial vi de mi kuras, kial vi rifuĝas de mi? Li silentis.

Ŝi stariĝis.

— Ne faru tion, ne, — vekriis ŝi malespere. — Ĉion vi prenis de mi, ĉion, ĉion, ĉion...

Kaj ree li ne havis vortojn por ŝin konsoli.

— Ah, mi komprenas. Mi estas al vi abomena, nemorala, malbonigita. Ah, mi scias, sed vi vidos. Vi vidos...

Ŝi rapide malproksimiĝis, li ekiris post ŝi, li volis ŝin revenigi, sed ŝi jam malaperis.

Li prenis ĉapelon kaj foriris, kaj nur vespere li revenis.

La pordo de ŝia ĉambro estis malfermita, homoj eniradis kaj eliradis. Okazis malfeliĉo.

Li eniris senkonscie.

Antaŭ li ŝi kuŝis mortinta, ŝprucita de sango...

Li ektremis kaj stariĝis de la malnova fortepiano.

— Oh, Dio, Dio, ankaŭ tiu tago estas en la universo, ankaŭ kun ĝi mi renkontiĝos supre.

Kaj ŝia vesto estis sur la brusto malfermita (post la pafo oni alkuris kaj serĉis vundon), vidiĝis la nuda brusto, en la kavo inter la mamoj estas nigra vundo, ĉio ŝprucita de sango. Ŝiaj nigraj okuloj estas malfermitaj kaj rigardas lin vitre...

En la turo de l' vilaĝa preĝejo batis la dekdua horo; li ĝin ne aŭdis.

Lin priverŝis ŝvito.

— Oh, Dio, Dio, ankaŭ tio estas notita en la universo. Ĉu tion mi denove devos rigardi?

Jes, rigardi en la eterno! La kulpuloj, kulpuloj vidos tie nenion; ili rigardos nur sian malbonfaraĵon, sian viktimon dum la tuta tempo...

Lin komencis skui malvarmo. Vestita li ĵetis sin sur la liton senkonscie.

Li denove ekvidis la malfermitajn nigrajn okulojn, mortintan palan haŭton, ŝprucitan de sango... Li fikserigardis kaj fikserigardis, kaj tiu bildo plu ne moviĝis for de li. Kaj li kvazaŭ pereis de la supraĵo de l'tero — nenie iu, nenie io... nur ŝi, mortinta, kuŝas antaŭ li, ŝi, ŝprucita de sango Li fikserigardas ŝiajn mortintajn, vitrajn okulojn kaj tiel dronas en la universo...

IV.

La postan tagon vere alvenis la juna instruistino. Ŝi jam multe aŭdis pri tiu instruisto, kiu vivas sola kun sia servisto, kaj neniam estas gaja, kaj neniom aŭ tro malmulte parolas.

Kiam ŝi tiam, jaŭde, unuafoje lin vidis, ŝin kaptis ia eksterordinara sento. Al ŝi estis iel agrable, kiam ŝi ekpensis, kiel ŝi lin karesus kaj serenigus per ĉarma interparolo. Kaj kiel ŝi estis feliĉa, kiam ŝi vidis, ke li jam la unuan tagon tiom sereniĝis apud ŝi.

Hodiaŭ io intensa ŝin pelis al Druŝkovac kaj ŝi iel antaŭsentis: okazos io.

Ŝi tuj ekiris en la preĝejon.

La orgeno ekmuzikis, sed jam dum la unuaj akordoj ŝin kaptis malĝojo kaj ia timo. La muziko estis stranga, eksterordinara, kaj kiam li supre kun la orgeno ekkantis, en la preĝejo estiĝis konfuzo, moviĝado. Ŝi afliktiĝis kaj larmoj de kompato ekfluis el ŝiaj okuloj

Estis advento, kaj la instruisto kantis la paskan kanton: Haleluja.

Djuro Martiĉ freneziĝis.

El la kroatoserba: *Fran Janjic*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: PRI LA ARTO DE SPIRITOJ.

En ĉi tiu numero ni prezentas al niaj legantoj desegnaĵojn de spiritista mediumo. Oni povus demandi, ĉu ili rajte estas komentariitaj inter la kadroj de nia arta rubriko, ĉu ilia deveno havas ion komunan al la internaj principoj de la arta kreado? Ĉi tiujn demandojn ni provas respondi sube, akcentante ke ni ne intencas elĉerpi — kiel oni eble opinius laŭ la supra titolo — la transcendan flankon de ĉi tiu arta sfero.

*

Rigardante la bildojn oni tuj povas rimarki ke ili kreiĝis en eksterordinara stato de l' menso. En ili oni povas vidi specialajn signojn, kiuj neniam estas retroveblaj en aliaj, kutimaj kreaĵoj. Mankas el ili la formoj de la efektiva vivo; ili do estas abstraktaĵoj, ekster la spertebla bildo de l'mondo. Laŭ supraĵa konsidero ni povus ilin rigardi produktaĵoj de ornama arto, kiu estas komplekso de ĉefe abstraktaj elementoj; ni povus opinii, ke ili estas kelkaj tre rafinitaj pecoj de ĉi tiu arta sfero, montrantaj elementojn parencajn al la supermodernaj artaj rezultoj. Sed ĉu ni estus pravaj? Ĉu ili estas sole dekorativaj fantaziaĵoj kiuj montras ekskluzive ornamajn tendencojn? Eble iajn ekstremajn konsekvencojn de la principo *l'art pour l'art?*

Ne. Ĉi tiuj folioj montras certan sistemecon, kiu atentigas nin pri fontoj pli profundaj de la krea procedo. Antaŭ ĉio, ili ne estas sole dekorativaj paperplenigaĵoj. Sola ekrigardo konvinkas nin, ke ili ne estas rezultoj de spekulativa kre-metodo, kiel la dekorativaj artaĵoj, sed tujaj manifestiĝoj de la kreanta intelekto. Tion atestas la admirinde svinghava liniokonduko, kiu montras nenian interrompiĝon, kaj per kiu la interna imago esprimiĝas kun truda subiteco, kvazaŭ dum milono da minuto. Konsiderante do la egan rapidecon de la krea procedo, krome la tre karakterizan prezentmanieron, la akompanajn elementojn, kiuj senĉese ripetiĝas en ĉiuj bildoj, ni rekonos en ili senperajn elspegulaĵojn de konstanta komplekso, kiun — volante nin esprimi abstrakte — ni povus nomi „komplekso de spiritaj substancoj." Ĉi tiu psika kunmetaĵo donas al ili individuajn trajtojn. Ne mirige: ilin ja faris la sama mano. Ĉu tiu de la mediumo, aŭ tiu de la spirito perita de ŝi — por ni estas indiferente.

Kiel ni vidis, ĉi tiuj sovaĝe kuriozaj fantaziaĵoj de abstrakta menso portas en si leĝojn de anima laborejo, kiuj kunligas ilin, dependaĵojn de la sama interna mondo. Ilia ripetiĝo montras al ni, trans la dekorativaj tendencoj, pli intensan interrilaton de la artisto kaj artaĵo: la sinserĉon de la krea spirito — do klopodojn al konstantaj kaj definitivaj formoj, en kiuj tiu spirito povas sin plene esprimi.

La artisto, la artaĵoj de la mediumo, do volas diri al ni ion: tion, kion ili ripetas. Kaj tio estas grava, kion ili ripetas. Tio estas ja ilia senco. Nun ni alvenis al la esploro de ilia celo. Sed kian celon ili havas? Pri ilia estetika valoro ne povas esti dubo. Kio estas do interne de la estetika tendenco?

*

*Kant* diras ie, ke ni konstruas la mondon el la formoj de nia menso. La imago de l'mondo do enestas en ni apriorie kaj ŝanĝiĝas laŭ la formoj de nia menso. Sekve, ni neniam povas vidi la efektivajn formojn, nur tiujn, kiujn ni enhavas. Ekster ili por ni ekzistas nenio krom misteraĵoj. La animo baraktas antaŭ la granda sekreto: kio estas do trans la mondo konstruita el la formoj de nia menso? Sed nia homa intelekto estas malforta kaj ne povas doni respondon. Pri tiu mondo ni do faras mistikan koncepton por plenigi la grandegan malplenon nin terurantan.

La sama vero validas ankaŭ pri la arto, kiu finrezulte egalas je la formoj de la kreanta spirito, aŭ — kio estas la sama — je la artisto. Kaj ĉi tiuj bildoj estas solveblaj nur ĉi maniere: la linio kiel linio estas kunligebla al la formoj de nia menso, sed la liniokomplekso de la mediumdesegnaĵoj jam montras nepercepteblan mondon, al kiuj ni tamen donas sencon por trankviligi la neplenigitan animon. Ni neniam povas ricevi la veran respondon, la absolutan, ĉar ŝlosilon ni havas nur al nia propra animo. El nia animo, el nia propra mondo do ni prenas laŭeblan respondon por trankviligi nin. Kaj — ĉi tio koncernas ĉian meditadon ankaŭ pri alispecaj artaĵoj — ni renkontas nur nin mem, ĉar la formoj de nia menso regas super ĉio.

*

Kiamaniere doni do respondon pri ilia celo? Ĉiuj artaĵoj ja havas ilian celon en la efiko kiu impresas nin: min, vin aŭ lin. Do, volante difini ilian celon, mi certe venos al rezulto, kiu dependas de la formoj de nur mia menso.

Min precipe impresas la dua bildo. Ĝi inspiras kosmajn sentojn. Ni rigardas kvazaŭ en la misteran ĥaoson de l'Kreo, en kiu ĵus naskiĝas la Mondo. Gigantaj fortoj unuiĝas kun teruregaj tondroj kaj fulmoj en la lumo de ĉiel-atingaj flamolangoj. Kaj inter ĉi tiuj sovaĝaj atakoj de l'elementoj ekiras la ĝermado de l'vivo. Ĉio ribelas, ondas, svarmas en kapturna rondflugo, kvazaŭ la ĵus ekĝerminta vivo volus ĝojegi pri la libereco kaj multobligi sin mem.

Sed ĉi tiu difino pri la celo de la bildo devenas el la impreso, kiun ĝi faris al mi, ĝi do devenas same el mia animo, kiel el la bildo mem. Certe, en aliuloj ĝi vekas aliajn impresojn. Ekzemple: ĉu ĝi ne povus esti komplekso de ĉiuj imagoj, kiujn vekas en ni la vorto Revolucio? Certe. Finrezulte: ĝi donas al ni movimpresojn — jen en kio ni ĉiuj povos konsenti. Kompreneble, ĉi tiu impreso transformiĝas en tutajn, kaj ĉe diversaj homoj diversajn, seriojn de imagoj, kiuj poste sugestias al ni ian temon. Ĉi tie estas la punkto, kiu montras ion komunan inter la mediumdesegnaĵoj kaj la supermodernaj art-direktoj (ekspresionismo, futurismo.)

*

Ni preskaŭ elĉerpis la temon. Restas nur kelkaj demandoj, la transcendaj, pri kiuj ni ne sentas nin kompententaj. Por ĉi-rilata valora pritrakto ni volonte donus lokon en iu sekvanta numero.



# LA COLOSSEUM KAJ LA SANKTA PETRO EN ROMO

LAMARTINE

... Trasercante en mia memoro ĉiujn impresojn miajn pri Romo, mi trovas nur du el ili kiuj forviŝas, aŭ almenaŭ superregas ĉiun alian: la Colosseum, ĉi verkon de l' Roma popolo; la Sanktan Petron, ĉi ĉefverkon de l' Katolikismo.

La Colosseum estas giganta postsigno de superhoma popolo, stariginta, por sia fierego kaj siaj kruelegaj plezuroj, monumentojn kapablajn enteni tutan nacion; ĝi estas monumento rivalanta, per sia amaso kaj sia daŭro, la verkojn de l' Naturo mem. La Tevero estos jam elsekiĝinta tra siaj ŝlimaj bordoj kaj la Colosseum ankoraŭ elstaros!

La Sankta Petro estas verko de unu penso, de unu religio, de l' tuta Homaro je unu epoko de l'mondo. Ĝi ne estas plu konstruaĵo destinita por enteno de humilega popolo; ĝi estas templo destinita por enteni tutan filozofion, ĉiujn preĝojn, la tutan grandecon, la tutan penson de l' Homo.

Ŝajnas ke la muroj suprenleviĝas kaj grandiĝas ne plu laŭ la proporcio de l'popolo, sed laŭ tiu de Dio. Nur Miĥael-Anĝelo komprenis la Katolikismon kaj donis pri ĝi, per la Sankta Petro, sian plej kompletan esprimon. La Sankta Petro estas vere la perŝtona apoteozo, la monumenta alifiguriĝo de la religio de Kristo.

La arĥitektoj de la gotikaj katedraloj estis altegaj barbaroj. Sole Miĥael-Anĝelo estis filozofo en sia koncepto. La Sankta Petro estas la filozofia Kristanismo, de kie la dia arĥitekto forpelas la Mallumon, en kiun li enigas la Spacon, la Belon, la Simetrion, la Lumon en ne elĉerpeblaj ondoj.

La senkompara beleco de la Sankta Petro en Romo konsistas en tio: ke ĝi estas Templo, laŭ ŝajno, destinita por vesti la ideon de Dio per sia tuta brileco.

La Kristanismo povus perei kaj la Sankta Petro restus ankoraŭ universala, eterna, racia Templo de ia ajn religio kiu postvenus la kulton de Kristo, kondiĉe ke ĉi religio estu inda de l' Homaro kaj de Dio. Ĝi estas la Templo plej abstrakta kiun iam, la homa genio, inspirita de l' dia ideo, konstruis ĉi sube! Enirante ĝin oni ne scias ĉu oni eniras antikvan aŭ modernan templon: neniu detalo ĝenas la okulon, neniu simbolo distras la penson: homoj de ĉiu kulto tien eniras samrespekte. Oni sentas ke ĝi estas templo kiu povas enteni nur la ideon de Dio, ke neniu alia ideo povus ĝin plenigi. Ŝanĝu la pastron, formetu l' altaron, elprenu la pentraĵojn, forportu la statuojn, nenio ŝanĝiĝos, ĝi estos ĉiam la domo de Dio! Pli ĝuste: la Sankta Petro estas per si mem granda simbolo de ĉi eterna Kristanismo, kiu posedante ĝerme, en sia moralo kaj sankteco, la sinsekvajn disvolviĝojn de l' religia penso de ĉiuj jarcentoj kaj de ĉiuj homoj, malfermiĝas al la racio tiamezure kiel Dio ĝin heligas, rilatiĝas kun Dio en la lumo, klariĝas, plilarĝiĝas kaj suprenleviĝas laŭproporcie de l' homa spirito senĉese grandiĝante kaj kiu, kunforĝante ĉiujn popolojn en la unuecon de l' adoro, el ĉiuj diaj formoj faras unu solan Dion, el ĉiuj kredoj solan kulton, el ĉiuj popoloj solan homaron!

Miĥael-Anĝelo estas la Moseo de l' monumenta Katolikismo, kia oni iam ĝin komprenos. Li faris la nepereigeblan arkeon de l' estontaj tempoj, la Pantheon'on de l' diigita racio.

El la franca: *Teo H. Rok'.*

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

## GRAZIA DELEDDA.

Vladislav Reymont ricevis ĉi jare la Nobel-premion, sed la Stockholma Akademio komence intencis premii la italan verkistinon *Grazia Deledda*, kies populareco ja ne atingas tiun de D' Annunzio kaj kies romanoj ja ne havas tiom legantojn, kiom la romanoj de Guido Da Verona, sed kiu nun, en sia kvindeka jaro tamen pleje proksimas al Fogazzaro kaj Verga: la du grandaj klasikuloj de la itala romano. Per Sardiniaj popolromanoj komencis Grazia Deledda sian konstante leviĝantan karieron, poste senĉese ŝi pli kaj pli riĉiĝis je forto kaj profundo, ĉiam pli kaj pli ŝi trovis la manieron: desegni homojn kaj animojn; kaj la vojon tien, kie antaŭ la verkisto malfermiĝas la misteroj de la interna homo.

Ŝia nova, ĵus aperinta romano, *Danco por la koliero,* ne estas tro komplika, ne enhavas kuraĝajn fantaziaĵojn, sed ĝuste en sia simpleco ĝi estas interesa, ĉar homa kaj vera.

En la plej nova parto de antaŭurbo de sennoma urbo vivas du virinoj: onklino kaj kuzino. Ili havas la saman nomon: *Maria Baldi.* Iun tagon, sur la pordo de ilia vilao frapas fremdulo, grafo Giovanni Delys, kun la preteksto, ke li interesiĝas pri la najbara bieno, kiu laŭdire estas la posedaĵo de fraŭlino Baldi kaj vendota. Sed, fakte, li serĉas la riĉan Maria Baldi, per kies riĉa mano li esperas reakiri siajn antaŭajn ĝojojn kaj socian pozicion, rekonstrui sian ruiniĝintan vivon. Lin akceptas la kuzino, juna kaj tre bela, kaj laŭ ŝiaj respondoj la grafo kredas ke li parolas kun la riĉa sinjorino. Ĉi tio tre ĝojigas lin, ĉar kion deziri pli ol riĉan knabinon, kaj eĉ belan. Sed ĝojas ankaŭ Maria Baldi, ĉar Giovanni Delys estas la unua nekonata viro, kiun ŝi renkontas, kaj li venis el alia mondo, el tiu, kie *oni vivas kaj scias vivi*... Ĉe la sojlo de la vilao ili, je l' unua renkonto, jam longe interbabilas kaj kvankam ili ne diras amajn vortojn, jam sub ĉiu ilia vorto kaj frazo sin kaŝas amo. Ili jam malfermis sian animon por enfermi unu la alian, kaj Maria Baldi multe, multe parolas pri si.

Ŝin, filinon de orkestrestro, la riĉa patro antaŭ sia morto konfidis al la zorgoj de ŝia onklino (Maria Baldi pli maljuna). Samtempe li transdonis ankaŭ altvaloran perlan, kolieron (kiu restis ĉe li garantiaĵe), dirante ke, se la posedanto ne anoncos sin dum certa tempo, ĝi apartenu al lia filino. Ŝi do nun vivas ĉe la onklino, sed ili nek amas, nek malamas unu la alian, ili toleras sin, malvarme, kaj propre sole la koliero kuntenas ilin. Ne, ĉar eble ĉiu el ili volus ĝin havi por si, sed, ĉar la knabino scivolas, ĉu la onklino transdonos la trezoron, se ŝi foje bezonos ĝin, kaj la onklino scivolas ĉu la knabino postulos la trezoron antaŭ ol ekiri en la „alian vivon“?

Ĉi tion rakontas Maria Baldi al la grafo — sed Maria Baldi, en sia junaĝa facilanimeco, kaj por fari sin interesa, nur mensogis tie, ĉe la vilapordego al la fremdulo, nur mensogis pro vanteco kaj mensogis — pro amo. Ŝi mensogis, ĉar ŝi timis ke la fremdulo ne multe atentos ŝin, ke li simple forlasos ŝin, se li ekscios ke la *onklino* estas riĉa, ke la historio de la koliero estas vera, sed ĝin heredis la *alia* Maria Baldi, kies patro estis riĉa entrepenisto, dum la ŝia — nur malriĉa muzikisto, malproksima parenco. Kaj, ke la *alia* Maria Baldi gardas en sia ŝranko la trezoron, kiu signifos feliĉon kaj riĉon por la ricevonto.

Sed kies garantiaĵo estis la koliero? Jen la sekreto de Giovanni. Ĝi estas pramalnova, valora trezoro de la familio Delys,

kaj la patrino de Giovanni devis ĝin deponi garantiaĵe, kiam la filo, pro siaj facilanime amasigitaj ŝuldoj, minacis per sinmortigo. La filo nur poste eksciis, ke ankaŭ la valoran klenodion englutis liaj ebriaj plezuroj kaj kapricaj pasioj. Nun, kiam li nenion havas plu, li decidas reakiri la kolieron, kiu signifos kaj alportos riĉon. Tial li intencis nepre ekkoni kaj nepre edziniĝi Marian Baldi kaj tial li jubilis pri tio, ke la knabino estas ne nur riĉa, sed ankaŭ bela, nura sereno, viveco, bonhumoro.

Teksiĝas la belaj revoj. Sed — subite ili disŝiriĝas ĉiuj. Giovanni ekscias la veron: evidentiĝas ke la juna Maria Baldi mensogis, ke la trezoro apartenas al ŝia onklino. Giovanni Delys konsterniĝas, sed nur por momento: *la mensogo lin logas pli ol la realo,* li amas la mensogon de Maria, kiu mensogis por akiri lin. Li amas ŝin. Ĉi tiu amo estas en li pli forta ol ĉiu alia konsidero.

Sed ankaŭ la sorto de la alia Maria Baldi kroĉiĝas en la mensogojn de l'romano. Ankaŭ ŝi esperis, ke foje venos tiu, por kiu la koliero estas pli valora ol ĉio — kaj kiu prenos ankaŭ ŝin, ĉar alie ŝi ne donos la trezoron. Kaj ŝi sentis sin kvazaŭ unuiĝinta kun la koliero, ĉiujn aliajn revojn ŝi disŝiris, ne edziniĝis, atendis la fremdulon. Kaj la fremdulo alvenis, sed — ne ŝin li elektas, sed la alian, la junan kaj belan. En ŝia dolora trompiĝo ŝi nun alkroĉiĝas al la riĉeco, kiun solan ŝi rigardas valora. Post la geedziĝo ŝi fermas la pordon antaŭ Maria kaj eĉ, akre ŝi kriaĉas, ke neniam ili esperu la ricevon de l' koliero aŭ de io ajn el ŝia riĉo.

Longan tempon vivas nun solece kaj riĉe la pli maljuna Maria Baldi. Sed kiam al la juna paro naskiĝis infano, ŝi ne povas rifuzi la inviton de Giovanni, vizitas ilin en la sol-ĉambra, malriĉa loĝejo. Tie, antaŭ la lulilo, ŝi eksentas ke la vivo havas ankaŭ aliajn belaĵojn krom la riĉo kaj repaciĝinte ŝi metas la kolieron sur la kolon de la infano. Kaj kiam ŝi dolore vidas, ke la infano ne ridetas, ne kaptas la brilajn perlojn — ŝi rimarkas, ke la infano estas blinda, kaj neniam ĝi vidos la diamanton, nek la perlojn.

Nebula kaj dolora romano kun multe da malĝojo kaj amaro. Grazia Deledda volas montri la luktojn kaj dolorojn de l' vivo. Kaj ŝi volas montri la homon tia, kia li estas. Pri ŝiaj homoj oni neniam scias, kiam ili estas sinceraj kaj kiam ili mensogas. Kaj neniam oni scias, ĉu iun alian ili volas trompi, aŭ ili mem trompiĝas. La vivo estas kruda kaj la vivo estas senindulga kaj Grazia Deledda diras ke *la homoj multe pli volus esti bonaj kaj ŝajni bonaj, ol kiom ili kapablas esti bonaj kaj agi bone.* *lc.*

## ANTONIO BRUCKNER 1824—1896.

La aŭtunon de l' pasinta jaro, la mondo muzika festis la centjaran datrevenon de l' naskiĝo de Bruckner. Ĉi tiu okazo instigas nun, revivigi antaŭ ni la silueton de l' artisto, kiu ne estas ankoraŭ laŭmerite konata. Li — ido de vilaĝanoj simplegaj — naskiĝis en Ansfeld (Aŭstrio). Lia juneco estis malgaja, eĉ mizera. Komence, li estis subinstruisto en eta vilaĝaĉo, perlaborinte sian panon per ludado de dancmuziko en la drinkejo malhela. La sorto lin jetadis tien kaj tien, sed nur la nomoj de la lokoj ŝanĝiĝis, la kerno restis la sama: mizero, soleco ekstere, ĥaoso de sentoj kaj kredo forta interne. Dume: konstanta, persistema laboro, studado de la muzikteorio kaj de l' malnovaj majstroj. (Bach, Beethoven). La ludadon de orgeno li eklernis parte kiel aŭtodidakto.

En 1855 li transloĝiĝas al Linz, kie li trovis postenon orgenistan. La nun sekvantaj jaroj estis gravegaj por lia evolucio. En la kulturita kaj muzikema urbo, lia genio eksvingis siajn flugilojn. La unuan fojon li aŭdas verkojn de Wagner, kies vira, fortimpresa arto ankaŭ lin ekkaptas kaj por li malfermas ĝis tiam nekonatan, fabelan mondon de sonoj.

La unuaj kompozicioj pretiĝas, inter ili la unua simfonio. La rezultato: nekompreno, sed tamen bonvola kritiko. Sed post lia transloĝiĝo en Vienon (1868) la batalo ĉirkaŭ li iĝas laŭta, poste kruda, fine malpura fiparolado. Li neniam partoprenis en ĝi.

Li — homo naiva, bonkora, simpla kaj pura, venanta el la silentaj urbetoj de provinco — nun troviĝis en la bruego de grandurbo, inter malnoblaj homoj intrigemaj, senreligiaj. Inter tiaj cirkonstancoj li iĝis ĉiam pli kaj pli soleca, fine izolita, sen amikoj, sen parencoj, sen edzino. Sola kun Dio kaj si mem. Kaj nun, en la senfina dezerto de l' vivo ekfloris en li mistera vivo, majesta kaj pura. Kvazaŭ roko altega li staris en la diluvo de malamo kaj indiferenteco, batalante nur kontraŭ la plej granda malamiko: la senesperiĝo. Tra la nigraj nebuloj de lia animo nur unu lumo brilis: lia senkondiĉa, superhoma kredo je Dio.

Li venkis. Iom post iom, lia animo trankviliĝis kaj mirinda sorĉa lumo de paco eliĝis el ĝi.

La lumo de l' paco, harmonio kaj amo.
La pinto de l' vivo estis atingita.

Li staris tie, altege, kie jam la bruoj de l' mondo ne aŭdiĝas. Li komponis sian lastan verkon, la IX-an simfonion. Estis lia adiaŭo de l' vivo, kion li nun verkis. Ankoraŭ unufoje li volis ĉirkaŭbraki la universon, kanti al la homaro la eternan melodion pri la homa sufero kaj feliĉo, pri la dia kaj homa boneco. La morto lin malhelpis fini la verkon; ĝi estas nun torso giganta. (Mankas al ĝi la finalo.) — Vere, pri Bruckner oni rajte povas diri, ke nur lia korpo mortis, ĉar lia animo tute kunfandiĝis kun liaj verkoj. Pri ĉi tiuj mi nun devus paroli. Tamen kiamaniere? Kiel oni povus karakterizi per vortoj — eĉ per la plej delikataj — la ecojn de la kreanta animo? Kiel oni ekkaptu la netuŝeblajn sonĝojn senkorpajn, la suferojn kaj ĝojojn de la soleca artisto? Kiel priskribi en kelkaj mallongaj frazoj unuiĝon gigantan de dikredo, naturo kaj homa grandeco? Kiamaniere konigi la verkojn de la plej transcenda arto? Oni vere nur mencii povas ilin.

La verkaro de Bruckner konsistas el tri partoj: el verkoj ekleziaj, simfonioj kaj malgrandaj verkoj diversaj.

La ekleziaj verkoj kun plena rajto okupas la unuan lokon, ĉar en ili montriĝas la fundamenta karaktero de la komponisto kaj la leĝo de lia arto. La fundamenta trajto estas: Dikredo. Kredo libera, forta kaj pura. Ĝi estis por Bruckner malproksima stelo en la mallumo, direktilo netrompebla en la ĥaoso de l' suferoj.

La leĝo, aŭ per aliaj vortoj: la formo de liaj verkoj estas la svelta formo de l' katedraloj mezepokaj: la gotika arko, en kies altega pinto staras la kvintesenco de ĉiu muziko: la adaĝo absoluta.

La vicon de la verkoj malfermis du mesoj, preparinte la vojon al la tria, la tiel nomata „Granda meso en F;" ĝi estas la plej bela meso depost la „Meso solena" de Beethoven. La teksto — kies vortojn li de l' petego de *Kyrie* ĝis la *„dona nobis pacem"* trasentis, ĉar travivis — eligis belegan muzikon el lia koro. Tiam, la vico de l' simfonioj komenciĝis kaj nur post jardeko li turnis sin denove al Dio, plenkore, kun fiera ĝojo dankante ĉiujn alsenditajn ĝojojn, dolorojn en du dankhimnoj: la *„Tedeum"* kaj la 150-a psalmo. („Ĉiuj animoj laŭdu la Sinjoron!")

La dua parto konsistas el la simfonioj. Krom la unuaj provoj junecaj li komponis naŭ. Inter ili ĉiu havas apartan vizaĝon, individuecon. La internan batalon de l' artisto respegulas la unua; la konflikto inter la „Mi" kaj la mondo estas pentrita per pasioj Michelangelaj. La pacon, la harmonion li unue trovis en la naturo (IV-a simf.).

La unuan kulminacion de sia arto li atingis en la V-a simfonio, kies finalo estas instrumenta dankkanto al la Ĉiopova.

Depost tiu ĉi tempo li ĉiam pli kaj pli malproksimiĝis de la Tero: la anima vivo venkis, superis la teran. La lasta okazaĵo tera, kiun li ankoraŭ rimarkis, estis la morto de la junaĝa idealo, Wagner, kies memoron per grandioza muziko funebra li honoris en sia VII-a. Ĉi tio estas samtempe la plej populara inter liaj verkoj, estante la plej facile komprenebla. La lasta simfonio — la nefinita — estas jam voĉo el la transa mondo, aro de kristalaj, eteraj sonoj. Ne estis hazardo, ke ĉi tiun li dediĉis — kun fiera ĝojo kaj humila danko — „al la kara Dio".

El la diversaj verkoj mi mencias la kvinteton por arĉinstrumentoj: ĝi estas vera simfonieto! La aliaj estas ĥorkantaĵoj, parte religiaj, parte mondaj („Helgoland", „Germanenzug"). Ĉiuj surhavas la signon de l' genio; ili estas fajreroj eligitaj de giganta fajro, kiu lumis en la animo de Bruckner.

Nun kelkajn vortojn ankoraŭ pri lia loko en la muzikhistorio. Lia arto estas bazita sur la du kolonoj: Bach kaj Beethoven. Ĝi estas parenco de la serena muzo kvieta de Schubert; komuna eco ilia estas la adorado de l' naturo, de la gepatra tero aŭstria kaj la amplena okupiĝo pri la dancmuziko de l' vilaĝanoj.

Sendube, Bruckner estis la plej forta talento simfonia de post Beethoven; pro ĉi tio oni kelkfoje ilin komparas. Inter ili estas tamen fundamenta diferenco: Bruckner neniam dubas esti vera filo de Dio, en li ne troviĝas la titana volo de Beethoven, per volo kaj amo akiri la kredon en Li. Por tiel diri: Beethoven estas liberpensulo, Bruckner — vera mistikulo, ido malfrua de Angelus Silezus. Kaj pro ĉi tio lia arto ne imitas aŭ daŭrigas la verkadon de Beethoven, sed ĝin kompletigas. Ĝi estas la plej granda monumento de la senkonscia, mezepoka dikredo mistika, kiu en ĝi — per stranga ludo de l' hazardo — nur tre malfrue ricevis sian eternan esprimon muzikan. Bruckner montris la alian flankon de la Janus-vizaĝo de la homaro, kvazaŭ spegulanta akvo, kiu elfluas el la neelĉerpebla fonto de la forto kaj beleco. *Karlo Lovasi.*

# LETERKESTO

*(Alsenditajn manuskriptojn ni ne redonas.)*

J. B. Kara Samideano. Unue ni dankas vian interesiĝon pri nia revuo. Certe, kritiko, eĉ mallaŭda, estas por ni pli valora, ol indiferenteco.

Ni neniam diris, ke ni estas kontentaj pri la revuo. Eĉ, multfoje kaj insiste ni asertis la malon. En la nuna ĉagrena formo ĝi servas nur por la konservo de l' kontinueco, ni emfaze protestas ke oni ĝin rigardu atingita, plenumita celo. La abonantoj kreskis en la lasta tempo tiagrade, ke la revuo en la nuna formo kun 50 pliaj abonoj ne havos plu deficiton. Sed se ni ne esperus la eblon de 24- kaj poste 32-paĝa revuo, eĉ unu strekon ni ne farus plu.

Ĉar la nuna amplekso estas ankoraŭ pli malagrabla por la redaktanto, ol por la legantoj. Kredu ke ne estas facile trovi valorajn literaturaĵojn tiel mallongajn, kiajn publiki devigas nin la nuna stato.

Sed speciale pri la du kondamnitaj noveloj mi havas malan opinion, ili al mi ŝajnas „salaj". Precipe en ilia stilo mi trovas kvalitojn, kiujn meritis ke la noveloj estu publikitaj. Kaj — ĉar eble mi ne havas ian tute kuriozan guston — mi opiniis ke eble ankaŭ aliaj legantoj trovos en ili ion interesan. Rilate al vi, mi eraris. Eble ankaŭ rilate al kelkaj aliaj. Sed ankaŭ vi eraris pri la „Revolvero", rilate al mi kaj certe ankaŭ al multaj aliaj. Erari estas home.

Mi tralegis mian artikolon pri la neologismoj (1925. I. Leterkesto), sed mi ne trovas la lokon, „kie per unu piedo mi forlasas la Fundamenton." Mi diras ke la ekzistantan lingvomaterialon mi rigardas definitiva, ĝian ŝanĝon sencela kaj danĝera. Sed ĉi tiun materialon mi diras ne tute sufiĉa, koncerne nuancojn kaj koncerne mallongecon kaj koncizecon. Tial mi ne kondamnas la uzon de certaj novaj vortoj en la poezio, akcentante, ke la ordinara lingvo ne bezonas tiajn vortojn, por ĝi do sufiĉas, eĉ troas, la nunaj oficialaj vortoj.

Mi aludis pri la neologismoj de Zamenhof. Ĉi tion vi diras ridinda, ĉar „antaŭ li estis la nenio". Nu, jen Zamenhofaj — ne Fundamentaj — vortoj: *abismo, abrupta, aflikti, stulta, fato, ferio, festono, fiasko, giganto, humana, kabano, kalva, kanono, karambolo, angoro, auroro, sino.* Oni same tiel bone povas ilin esprimi per: profundegaĵo, malglatega, malĝojigi, malsprita, neevitebla sorto, libertempo, florplektaĵo, malsukceso, grandegulo, homeca, domaĉo, senhara, pafilego, kunpuŝiĝo, korpremiteco, tagiĝo, korpantaŭo, kiel la vortojn *stumbli, langoro, nupto, pruda, svelta,* per: falpuŝiĝi, animmalstreĉiĝo, geiĝo, ĉastafekta, gracitalia. Ankaŭ la pli suprajn vortojn, kiujn vi nun uzas senskrupule, ne naskis absoluta manko de alia esprimmaniero, sed sole tiu malbenita „kolorvaloro" kaj „esprimkapablo". Kaj ĝuste la Zamenhofaj *amara, aflikti, stulta* kaj la Grabovskiaj *aperti, disipi, ekskuzi, humida* konjektigis al mi la tendencon por la malpliigo de la mal-vortoj.

Pri *fora* mi ne diris ke ĝi estas ideala vorto, sed ke ĝi estas uzata, (en manko de mallonga vorto pli bona). Cetere oni tute bone povas diri: „La patro estas for, sed ne tre fore." — Vi serĉas pri „malsovaĝa vespero". Nu, se vi volas esti pure Fundamenta, tamen tiel vi devas paroli, ĉar *milda* troviĝas nur en la dua oficiala aldono. Kaj al mi estas same stranga „malmola koro". Prefere mi diras „kruda koro", se mi ne povas diri „dura". Pri „prohibi" mi dankas.

Jen viaj vervaj vortoj pri la „poezia fakvortaro": „Do estontaj esperantistoj devos lerni: a) vortaron por la ĉiutaga uzo; b) por la poezio (por kompreni la eterajn pensojn de „mondforaj" poetoj kaj c) plie-malplie teknikan. Vivu la simpleco! — Esprimoj uzeblaj nur en poezio ne posedas viv-rajton en nia lingvo. Ili estas balasto forjetinda. Esperanto estas same taŭga por poezio kaj prozo sen tiuj aristokrataj vortoj, kiuj, plenblovitaj de ridiga fiereco, ne volas sin miksi inter la ĉiutagajn kunulojn. Poemo ne fariĝas poemo pro iaj vortoj elprenitaj el poezia fakvortaro, sed pro la enaj profundaj pensoj. Ju pli senpretenda (kio ne signifas senarta) la lingvaĵo, des pli efika la enhavo. Komparu la Zamenhofajn! Poetoj al kiuj la nuancoj de Esp. ne sufiĉas, kiuj inter cent nepre bezonas la centunuan, serĉu nacilingvon por ili pli taŭgan. Nia afero povas facile rezigni la de ili alportatan „kolorvaloron", la „esprimkapablecon" „divinan"!"

Do, mi respondas. Eĉ la plej profunda penso ne estas poezio, ec la plej malprofunda povas esti poezia. Ĉio dependas de la maniero, per kiu ili estas esprimitaj. Certe ankaŭ la plej „poezifakaj" vortoj ne faras poezion. Ja ne pro tio, nek pro ilia aristokrateco oni bezonas ilin, sed, ĉar ilia ekvivalento ekzistas en la plejmulto de la naciaj lingvoj, kaj ne estas bona tradukanto, kiu evitas ilin, kaj per tio senfortigas la tekston. Oni povus ilin anstataŭigi per longaj vortkunmetoj, sed tio faras la lingvaĵon peza, kaj rimarkigas ke oni legas en artefarita lingvo. Krome tio forturnas la atenton de la verko mem. Antaŭ longe mi legis tradukon: „Sherlock Holmes en la servo de la hispana trono". La nomon de la tradukinto mi ne memoras. Ĉi tiu traduko estis plena de artifikaj — kaj tre spritaj — vortkunmetoj, en ĉiu frazo troviĝis unu aŭ du. Kun granda plezuro mi analizis ilin tra la tuta verko — kaj je la fino mi rimarkis, ke — mi apenaŭ scias, pri kio en ĝi temis. La aŭtoro certe ne dankus eksciinte, ke lian verkon la tradukinto kvazaŭ kaŝis sub sia vortjongla arto. Mi asertas ke dum lego pli ĝenas tia vortkunmeto. ol nekonata vorto, kies sencon oni divenas el la kunteksto.

Aliparte tiajn nuancvortojn tute ne bezonas tiu, kiu volas Esperante nur paroli, korespondi, skribi komercajn leterojn. Iu povas flue paroli la germanan lingvon kaj tamen ne kompreni multajn vortojn de Faŭst. Same estas pri la Shakespeare-verkoj, aŭ pri la Komedio de Dante. Ĉu do ĉiu, scianta Esp.-on sufiĉe por siaj privataj aferoj, komprenu ĉiujn vortojn de ilia traduko? Ho, tiu traduko estos nur ilia simpligita, senspicigita varianto.

Cetere ankaŭ la Akademio diferencigis inter la vortoj necesaj por la lingvo kaj la vortoj necesaj por ĉiu espisto. La lastajn ĝi presigis per starantaj, la ceterajn per kurzivaj literoj en la lasta eldono de la Oficiala Vortaro. Tia konsekvenca diferencigo donus eblon por sendanĝera pliriĉiĝo kaj samtempe por la senbalastigo de la vulgara vorttrezoro.

Kompreneble ĉi tiu pliriĉiĝo devas esti bridita. Unua regulo: ĉiu ekzistanta oficiala radiko estas neŝanĝebla! Dua regulo: novajn vortojn enkonduku nur tiu, kiu funde konas Esperanton, scias lingvojn krom la sia, havas viglan lingvosenton kaj senton pri la gusto de Esperanto. Kaj tia enkonduko neniam okazu facilanime sed ĉiam post la konsulto de ĉiuj bonaj vortaroj, kaj, kun plena sento pri respondeco. Tiamaniere tre multaj intencitaj novaj vortoj pruviĝos superfluaj.

Sed tute malpermesi neologismon estas: malhelpi la evoluon riĉiĝon, taŭgiĝon de la poezia lingvo. La evoluo okazas ja nur per la verkistoj. Kaj eble ilia laboro rezultigas kelkfoje fruktojn nedezirindajn — sed la mosto ja ne estas pura, rigardu la vinon. Liberon al la verkistoj, severan kritikon al la Akademio, — la rezulto estos la lingvo kiun ni volas.

Vi montras al mi la pordon de Esperantujo. Sed pripensu, mi ne estas sola. Grabovski, la patro de nia poezio, estis ankaŭ patro de tre multaj novaj vortoj. Ĉu ankaŭ lin vi metas ekster la pordon? Nu, se kun li kaj mi venos ĉiuj, kiuj same pensas kiel li kaj mi, ne tro multan ĝojon vi havos el la poezio, kiu restos post la eljeto de ĉi tiuj „mondforaj poetoj".

Resume. Aŭ oni tute forigas la poezion el Esperantujo, kiel endanĝerigon por la lingvo de l'propagandistoj, aŭ oni permesas. al la poetoj liberan manon.

Kaj kiuj neniam traluktis grandan verkon, penante ĝin traduki *perfekte* kaj *komplete,* ne kontentiĝante pri la prezento de ĝia griza enhavo — tiuj ne parolu pri la Esp. literatura lingvo Kaj tiuj kredu al mi, ke malantaŭ ĉiu mia nova vorto sin kaŝas — krom kelkfoja tento pri la evito de l'esprimo — longaj hezitoj, kamprompaj meditoj, ŝvitaj provoj. Kaj plej ofte — la vorto eĉ ne estas nova, ĝi estas jam uzita de bonaj aŭtoroj post similaj rigoraj konsideroj.

Mi finis. Sed — ankoraŭ ion. Via stilo estas tiel viva, ke mi petas vin por kunlaboro. La hispana literaturo apenaŭ estas reprezentata ĉe ni. Observoj tute mankas- Sendu do ion, valoran kaj interesan kaj helpu, „salumi" la revuon. Kun salutoj:

*Kopar.*

**Nepublikotaj manuskriptoj:** *Prozo:* Mortiganto pro amo. La luno rakontas. Pereigis sin. La vojo. Fragmento el la „Vesperaj horoj". La rompŝtelisto. El la araba „Mil kaj unu noktoj". Fortulo kaj malfortulo. La revolvero. Pri la verkoj de la zenitista movado. El taglibro de frenezulo. La siringo. La vitraj serpentoj. La nova malsanulo. La bukedo de laktukoj. Arele. Pri printempa laceco. Por Sextus Roscius. Euforio kaj aforio. Pri nova nobelaro. Kiam la ĉerizoj estas maturaj. Sfinkso. La batalo apud Arbela kaj Gaugamela. Johannes Wegleiter. La forlasita infano. Li kaj Ŝi (preludo). Ĉe fakiro. La skulptisto. Prometeo. La mirinda birdo. Judaj okuloj. Aventuroj de Tom Sawier (tro konata). La Pastro de Kahlenberg. Izabelo en pigmelando. Kial sankta Klauz ne plu venas nun. En la ruĝan sunlumon. Antaŭ Kristnasko. *Poemoj:* Kanto sen titolo (Laĥezis, Klotho, Atropos). Batalrekviemo. Unu tre ordinara historio. Malgaja historio. Melankolio. Kial. Ĝoju, ĝoju. Ĥaveto. Konsilo. Eksterlande. Patrujo. Balado. Sin disdonanta koro. Portreto de batalanto. De poemoj de Nikolao Lenau. La virino. La pluvo. El malnova kvartalo.

Pri la ceteraj manuskriptoj, ankaŭ pri la publikotaj, ni raportos en la sekvanta numero.

# UNUA LABORISTA OLIMPIADO FRANKFURT A/M.

**24—28 JULIO 1925.**

## SPORTULOJ ALVOKO ESPERANTISTAJ

La diversaj olimpikomisionoj jam funkcias. Ili kalkulas je pli ol 250.000 partoprenontoj (anoncitaj, ĝis la unua de marto, 87.000 aktivaj konkurantoj, el ĉiuj anguloj de'l terlobo).

La ĉi tiea Laborista-Esperanto-Ligo bezonas urĝe sciigojn, precize kiom da eksterlandaj sportuloj vizitos la olimpion?

Ĉiu eksterlanda kamarado venonta al la olimpio (24—28. julio 25) Frankfurton sendu tuj sain intencon, por kadrigi niajn entreprenojn. Faciliĝas la frankfurta restado en esperanta rondo nur por tiuj kiuj anoncis sin ankaŭ ĉe ni ĝis la unua de junio 1925.

Krome ni petas ĉiujn eksterlandajn olimpianojn esperantiste tuj sendi sain alvenon al oficiale olimpia oficejo: *Geschäftsstelle der Olympia in Frankfurt Main, Allerheiligenstrasse 51.* La ĉi tieaj komisionoj preskaŭ senescepte klarigas nian movadon ne sufiĉe grava, la funkciuloj de la sportmovado rigardas nian laboron nur bonega propagando por Esperanto kaj vole ne vole ni jam devas konfesi ke ili pravas, ĉar vi eksterlandanoj faris nenion ĝis nun por forlavi ĉi riproĉon gravan. Se vi mem ne interesiĝas pri sporto aŭ spektakloj, vi estas esperantisto kaj tio trudas al vi la devon interesigi vialandajn instituciojn pri rolo kiun ludos E-o dum ĉi olimpio. Jam depost multaj jaroj akceptis la „Unio internacia por fizika eduko" (2-a kongreso) E-on kiel sian internacian korespondlingvon kaj decidis praktike uzi ĝin dum la unua laborista olimpiado en *Frankfurt am Main*.

Membroj el la Frankfurta grupo oficiale dejoras en la loĝeja, trafika, kaj akcepta komisionoj. Sed la laboro de tiuj Kdoj estas treege malfaciligata pro la kaŭzoj aluditaj, ĉar la eksterlanda korespondlingvo estas — strange — germanlingva.

Klopodu okupi la olimpiadkomitatojn per demandoj esperantlingve skribitaj, plu postulu dum la olimpio mem ĉiuloke esperantlingvan interpretiston, via olimpia lingvo estu nepre E-o, por ke ni pruvu do la gravecon de Espo al la spektikuloj.

Ĉu vi volas kunhelpi? Certe jes!

Internacia Esperanto Sportularo Laborista
**ADOLF WENDT**

L. E. A. Loka grupo Ffm. Olympia-Esperanto-Fako
**KARL NABER**

Leteradreso: Karl Naber, Eckenheimerlandstrasse 97. Frankfurt am Main, (Germanujo).

**LA ESPERANTO-GAZETARO TUTMONDA ESTAS PETATA REPRESI!**








Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró